# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 9/10 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Sept./Okt. 1913**


## Memoraĵo de la Naŭa.

**Parta bildo de la malferma kunsido en „Kazino".**

# Kongresaj raportoj.

## Letero pri la Naŭa.

**Spiez**, post la Naŭa 1913.

Estimataj legantoj!

Nia Naŭa Universala Kongreso pasis; ĝi estis la unua internacia en la nova periodo de Esperanto, komenciĝinta post la antaŭjara, glora jubileo. Do, ankaŭ la nunjara kunveno de la tutmonda esperantistaro havas sian specialan signifon, kaj mi havas la honoron, raporti pri ĝiaj *oficiala parto kaj laboroj*. Senprokraste mi volas plenumi mian taskon, por ke mi nenion forgesu. Ĉi tie, en la trankvileco de la majesta naturo, ĉe la bordo de l' blua lago de Thun, mi sidas sur la mola tapiŝo de freŝverda herbejo kaj skribas ĉi tiun leteron. La nervoj iom kvietiĝis de la streĉaj tagoj pasintaj, kaj fulmrapide venas nun la pensoj kaj rememoroj pri la okazintajoj de la kongreso, tiel ke la plumo apenaŭ povas sekvi la instigojn de la cerbo. Sed por momento haltu, karaj rememoroj, unue mi devas pripensi ion tre gravan: Kiamaniere verki la raporton? Kiam la redaktoro de G. E. petis min, fari ĉi tiun laboron, li diris al mi: „Mi deziras raporton kiel eble plej objektivan. La nova periodo de nia afero estu ankaŭ nova periodo por la raportado en Esperantujo. Ĝis nun oni tro multe laŭdis kaj prefere nur montris la belan flankon de la medalo. Sed nia afero staras nun tiel firme, ke ni ne plu bezonas timi pro la estonteco; tial estus nepre dezirinde, se oni en Esperantujo nun malkaŝe ankaŭ kritikus tion, kio meritas kritikon. Ne por la eksteruloj kaj por niaj malamikoj ni tion faru — ili mokas, malkonsentas kaj insultas pri ni ĉiukaze, ĉu ni kritikas aŭ nur laŭdas nian aferon — sed por la esperantistoj mem ni agu tiel, por ke ili eksciu el sinceraj kaj seriozaj kritikoj, kion ili en estonteco devas eviti kaj kion pli bone aranĝi."

Konsiderante tiujn parolojn mi decidas forlasi la ĝisnunan kutimon de raportado por G. E. pri niaj internaciaj kongresoj. Anstataŭ verki germanlingvan propagandan artikolon, kiu interesas nur niajn samlingvanojn, mi ĉi tiun fojon liveros esperantlingvan raporton, destinitan ankaŭ por la alilandaj legantoj de G. E. Krom tio mi ne faros kvazaŭ protokolon pri la okazintajoj min koncernantaj. Kiu volas sin detale informi pri la kongresaj kunsidoj, legu la protokolojn en *Oficiala Gazeto*, kiu ja estas abonata de ĉiu grupo, ĉu ne? Sed oni ne tro fidu al la publikigajoj de la *Kongresa Gazeto*, ĉar ĝi, la ĉiutage aperinta *oficiala organo* de la kongreso, ne en konvena maniero raportis pri la ĝeneralaj kunsidoj; sed tiom pli detale pri aliaj. Mi ankoraŭ parolos pri tio. Mi esperas, estimataj legantoj, ke vi konsentos pri mia decido, kaj ke la germanoj inter vi ne protestos pri la ŝanĝo.

Kaj nun, rememoroj prikongresaj, vi povas enflugi mian cerbon kaj konduki mian plumon. Sed ne tro rapide, mi petas, ĉar alie la redaktoro, kaj ne malpli la kompostisto, insultos pri la malbone skribita manuskripto.

* * *

La unuaj demandoj, kiujn oni, reveninte hejmen de kongreso, devas respondi al scivolaj amikoj, estas la jenaj: „Ĉu la kongreso sukcesis?" kaj „Kiom da partoprenantoj ĝi havis?". Pri la Naŭa mi diras, ke ĝi laŭ ekstera vidpunkto estis vere sukcesa, kaj ke ĝi havis proksimume 1100 partoprenantojn (la precizan nombron mi bedaŭrinde ne scias.)*) La bonan impreson, kiun la kongreso faris al la loĝantaro de Bern, ankaŭ ne povis forigi la erarigaj anoncoj, kiujn niaj lingvaj kontraŭuloj aperigis en Bernaj jurnaloj; oni nur ridis pri tia stultajo. La loka sukceso de nia kongreso estus ankoraŭ pli granda, se la komitato estus aranĝinta propagandan paroladon aŭ dum la kongreso aŭ tuj poste. Estas tre domaĝe, ke oni ne pensis pri tio. Niaj kontraŭuloj volis ekspluati ĉi tiun eraron de la komitato kaj okazigis du tagojn post la fino de la Naŭa „publikan kunvenon", en kiu, laŭ la afiŝoj, parolis „Dro Liesche, antaŭa redaktoro de G. E.". *(sic!)* Mi mem ne vizitis la kunvenon, sed oni diris al mi poste, ke ĝi neniel sukcesis. Ankaŭ la entute ne tre favora sintenado de Bernaj kaj aliaj svisaj jurnaloj rilate al nia kongreso ne povis malfortigi ĝian sukceson. Faktojn oni ne povas fordisputi, kaj tial la gazetoj vole-nevole almenaŭ devis raporti pri ili, ĉar la loĝantaro konvinkiĝis pri la faktoj per propraj okuloj.

Rigardata laŭ interna vidpunkto, la kongreso povus esti iom pli bone aranĝita. Multaj aferoj ne estis en ordo, mankis tio kaj tio, kaj se oni plendis en la Akceptejo, oni estis „malbone akceptita". Vere mi ne povas „plendi" pri troa afableco, ne nur en la Akceptejo, sed ankaŭ ĉe aliaj okazoj en la urbo. La loĝantaro de Bern ŝajnis al mi entute iom malĝentila. Ĉu la kaŭzo de tio eble estas la kruda „Schwyzerdütsch", la maldolĉe sonanta svisa dialekto de la germana lingvo? Povas esti. Ankaŭ povas esti, ke la ĉiutagaj interrilatoj kun la konataj ursoj de Bern iom krudigis la loĝantaron. Ĉiukaze mi devas konfesi, ke mi ĉe francaj svisoj ne rimarkis la diritan nelaŭdindan econ.

Iomete oni ja devas senkulpigi la komitaton kaj ne respondigi ĝin pri ĉiuj malagrablajoj okazintaj. Oni konsideru, ke la preparoj por la Naŭa devis esti farataj en la duono de la tempo, pri kiu kutime disponas la komitatoj de niaj universalaj kongresoj. Certe la Berna komitato montris la plej bonan volon pri neripročebla aranĝo; tion ni rekonu kaj cetere esperu, ke la Deka en Paris estos pli kontentiga.

* * *

*) En la idista organo „*Die Weltsprache*" *Dro Schrag* el Bern diras, ke nur 787 personoj, inter ili 705 nesvisanoj, aliĝis al la Naŭa, kaj ke efektive alvenis nur ĉirkaŭ 600 personoj, inter ili pli ol 300 sinjorinoj (!). Tio estas **evidenta mensogo!** Dro Schrag ja tre precize elnombris la 787 aliĝojn, publikigitajn en la kongresa libro, sed li „forgesis" diri, ke la citita nombro prezentas la aliĝojn, kiuj alvenis *antaŭ la 10a de Aŭgusto*. Estas konata fakto, ke senpere antaŭ niaj kongresoj ankoraŭ multaj personoj aliĝas, ja, ke sufiĉe granda nombro da kongresanoj alvenas eĉ neanoncite. Laŭ fidindaj informoj de nia redaktoro estis **1073** Naŭanoj aliĝintaj; ĉi tiun nombron li mem vidis sur la kongresa karto de partopreninto. Krom tiu la dirita sinjoro volas kredigi, ke la tuta „esperantista popolo" konsistas nur el 6000 anoj, t. e. la membroj de U. E. A.! El tiuj ĉi du ekzemploj oni povas konkludi pri la „objektiveco", kiun Dro Schrag montras en sia kritika artikolo pri nia kongreso. *Red.*

Unu aferon mi tute ne komprenas. Kvankam estis sufiĉe granda nombro da partoprenantoj pagintaj kongresan kotizon, kvankam preskaŭ ĉiu plezura aranĝo devis esti aparte pagata per sufiĉe alta prezo, kvankam la kromenspezoj el anoncoj ktp. certe estis ne malaltaj kaj kvankam la superprezoj, kiujn la loĝada komitato prenis de la kongresanoj por prizorgo de loĝejoj, rezultigis bonegan profiton (kelkaj kongresanoj pagis eĉ 10 frankojn pli ol la ludonantoj ricevis!) — oni tamen mallaŭte parolis pri ebla deficito. Ĉu vi komprenas tion? Ĉu eble tro granda sumo de la kongresenspezoj fluis en la kason de U.E.A.? Ĉi tiu postulis por sia 4a kongreso, kiu samtempe okazis kun la Naŭa, certan parton de la ĝenerala kongreskotizo, kiun la K.K.K. ankaŭ konsentis al U.E.A. Mi persone ne konsentas pri tiu ĉi decido, kaj certe ankaŭ aliaj malaprobas ĝin. Se U.E.A. deziras kotizon por sia kongreso, ĝi prenu ĝin, kiel antaŭe, de tiuj kongresanoj, kiuj deziras partopreni la U.E.A.-kongreson. Sed ĝi ne postulu kotizon, eĉ nepublikan, de aliaj kongresanoj, kiuj ne interesiĝas pri la kunsidoj de U.E.A. Cetere, pro la tropleneco de la programo estus pli bone, se U.E.A. ĉe niaj estontaj kongresoj ne aranĝus sian kongreson en la sama semajno. Pri tiu ĉi punkto mi plene konsentas kun S-ro Bolingbroke-Mudie, la lerta prezidanto de U.E.A., kiu trovis plej agrabla la unuan kongreson de sia asocio en Augsburg. Ankoraŭ pro alia kaŭzo la samtempa okazigo de la ĝenerala kaj U.E.A.-kongresoj ne estas taŭga. S-ro Hodler, la direktanto de U.E.A., iam skribis en „Esperanto", ke niaj kongresoj devas esti antaŭ ĉio festoj, propagandaj festoj. Tiaj efektive estas niaj ĝeneralaj kongresoj universalaj. Sed nun la sama sinjoro kaj liaj kolegoj riproĉas al ili, ke ili ne faras sufiĉe da praktika laboro. Nur al la kongresoj de U.E.A. oni laŭ tiu rilato aljuĝas bonajn rezultatojn. Do, se U.E.A. nur volas labori kaj ne festi, ĝi aranĝu siajn kongresojn aparte kaj ne malhelpu per siaj riproĉoj la „propagandajn festojn". Laŭ mia opinio tute sufiĉas, se la naciaj societoj forte laboras en siaj naciaj kongresoj, kiel ekz. ni en Stuttgart. En la internaciaj kongresoj oni kontentiĝu pri reciproka interŝanĝo de propagandaj spertoj kaj pri traktado de ĝeneralaj kaj propagandaj demandoj. La plej multaj esperantistoj certe ne venas al internacia kongreso, por multe labori, sed por renkonti malnovajn amikojn kaj pasigi kun ili agrablajn tagojn, por serĉi interrilatojn kun novaj samideanoj kaj por aŭskulti raportojn pri la stato de Esperanto en aliaj landoj. Bedaŭrinde tio fariĝas de jaro al jaro pli malebla pro la ĉiam pligrandiĝanta programo, kiun la kompatinda kongresano devas konsideri.

Pri la kunsidoj de U.E.A. raportos alia „kolego" por G. E.*) Ĉi tie mi volas atentigi nur pri tre danĝera vojo, kiun U.E.A. ekpaŝis. Laŭ la raporto de S-ro Rousseau pri „U.E.A. kaj ŝovinismo" la tria kunsido pritraktis politikajn demandojn, kiujn oni proponis meti en la programon de U.E.A. Kaj efektive oni akceptis la raporton de S-ro Rousseau en principo kaj nur resendis ĝin al la komisiono por tiurilata ŝanĝo de la regularo. La definitiva decido pri tiu ĉi punkto okazos en la venonta kongreso. Se la komitato de U.E.A. estas prudenta, ĝi tute forlasas ĉi tiun projekton kaj nuligas la jam faritan decidon provizoran. Aŭ ĉu ĝi deziras, ke la anaro de U.E.A. fariĝu ankoraŭ pli malgranda? Per nia praktika laboro kaj per disvastigo de Esperanto ni ankaŭ povas akceli la interfratiĝon de la popoloj, sed ni nepre devas resti neŭtralaj laŭ politika vidpunkto. Nenion plu mi volas diri, sed nur averti! — Same mi tute malaprobas la akceptitan decidon pri Esperanto-diplomoj de U.E.A. U.E.A. estas kaj ĝi restu praktike laboranta *peresperanta* organizaĵo kaj ne okupu sin pri varbado de *novaj* esperantistoj kaj pri ilia instruado; ĝi lasu ĉi tion al la poresperantaj societoj naciaj, kies nura celo ja estas la varbado kaj instruado de novaj adeptoj de Esperanto. „Neniu povas fari pli ol li povas" diras germana verkisto en unu el siaj humoraj rakontoj. U.E.A. ne povas plenumi la tutan laboron necesan por Esperanto; se ĝi tamen provas tion, ĝi certe malsukcesos. Ĉar mi iom rigardis „post la kulisojn", mi bone komprenas, kion U.E.A. celas, farante proponojn kiel la jus akceptitan. Sed la komitato bonvolu atenti, ke ĝi, por altiri al si la direktadon de la tuta Esperanta afero, ankoraŭ ne posedas sufiĉe da praktikaj spertoj; sole de ĉe la „oficeja tablo" nia afero ne estas direktebla.

Afero, kiu ankaŭ rilatas al U. E. A., estas la *Oficiala Kongresa Gazeto.* Anstataŭ raporti objektive pri ĉiuj okazintaĵoj, precipe de la ĝenerala kongreso, ĝi preferis tre detale priparoli la kunsidojn de U.E.A. kaj aliajn aranĝojn; ekzemple pri la dua ĝenerala kunsido aperis nur malgranda noto, kiu eĉ estis prokrastita „pro malgraveco de la kunveno".*) Kaj ĝuste ĝi estis grava pro la akceptitaj diresprimoj rilate al la organizo de propagando internacia. Tian subjektivecon oni komprenos eksciante, ke la O.K.G. estis aldono al „Esperanto" kaj ke ĝia redaktinto estas fervorega Esperantiano.

Ankoraŭ lastan rimarkon pri la amuzaj aranĝoj, pri kiuj pli lerta plumo ol la mia skribos por G.E.: Mi preferus, se ili en estontaj kongresoj estus iom pli malmultekostaj ol en Bern kaj ankaŭ en Kraków. Kun vera plezuro mia monujo ankoraŭ memoras la Sepan en Antwerpen, kie ĝi ne estis tiom prirabata kiom precipe ĉi tiun fojon en Bern. Tiajn atakojn ĝi ne plu eltenos ofte aŭ — mi devas bankroti kaj ne plu povos viziti universalajn kongresojn. Tio estus vere domaĝe!

* * *

Nia Majstro ĉeestis! Pri tio la kongresanaro certe plej multe ĝojis. En Kraków li diris, ke li verŝajne ne plu vizitos la kongresojn. Ke li tamen venis al Bern, ni ŝuldas al niaj „mondlingvaj amikoj". Nome en belgaj gazetoj ili publikigis, ke Dro Zamenhof retiris sin de la Esperanta movado pro tio, ke li ekkonis ĝian malsukceson. Ĉar li hontas pri la eraroj faritaj de lia anaro, li ne plu volas esti „Majstro", kaj li forlasis la tutan aferon. Por protesti kontraŭ tiuj mensogoj, Dro Zamenhof decidis iri al la Naŭa kaj montri, ke li ankoraŭ estas kaj ĉiam restos la unua servanto de Esperanto, eĉ se li ne plu tiel aktive kaj tiel publike kiel antaŭe partoprenas en la laboroj por nia afero. Do, la kongresanoj danku al niaj kontraŭuloj la feliĉon, ke ili ankaŭ dum la Naŭa havis la alte ŝatatan „Eksmajstron" inter si.

* * *

*) La raporto aperos en No. 11 A (Nov.). *Red.*

*) Nur pri la malferma kunsido oni sufiĉe detale raportis, verŝajne pro tio, ke la redaktoro ankoraŭ ne havis alian materialon. *Red.*

La veturon al Bern mi faris kune kun la granda karavano el Stuttgart, *sabaton*, la 23an de Aŭgusto. Entute estis pli ol 80 personoj el 9 nacioj. Mi aliĝis al malgranda rondo familia; nur por la nepartoprenintoj mi diras, ke la estro kaj „patro" de tiu agrabla familio internacia estis nia redaktoro. Rapide forflugis la horoj. Tagmeze ni alvenis en Zürich, kie nia senlace laborema samideano *Unger* nin atendis. Dum nia duhora haltado li kondukis nin tra la urbo kaj al la belega lago de Zürich, kiun ni forlasis kun granda bedaŭro. La plua veturo tra la bela svisa lando same rapide pasis, kaj je la 6a posttagmeze ni atingis la kongresurbon, akceptataj de multaj samideanoj, kiuj jam antaŭ ni alvenis. Kiel kutime, ni unue iris al la Akceptejo, por prizorgi niajn kongresajn aferojn. Dum la vojo tien ni jam havis okazon, iom rigardi la urbon. Kontraŭe de la stacidoma elirejo staris florornamita salutarko, kiu deziris al ni „Koran bonvenon por la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto". El la domoj kontraŭe kaj eĉ de sur la turo de *Heiligegeist*-preĝejo pendis flagoj. Tio faris tre agrablan impreson al la alvenintaj kongresanoj. Ĉi tiu impreso ankoraŭ plifortiĝis, kiam oni venis en la ĉefstraton. Granda nombro da svisaj kaj Esperantaj flagoj flirtis salutante al ni. Ankaŭ la elmontraj fenestroj de multaj magazenoj estis bele ornamitaj per Esperantaj flagoj kaj aliaj objektoj koncernantaj Esperanton, kaj kompreneble ne mankis en ili la konata ŝildo: „Esperanto parolata". Aparte bele dekorita estis elmontra fenestro de la granda magazeno „Au Bon Marché". En tiu ĉi magazeno ni trovis kelkajn ĝeoficistojn, kiuj tre bone parolis nian lingvon kaj lerte servis nin per ĝi. Eĉ la belega Federacia Palaco honoris nian kongreson per elpendigo de flagoj, kaj ankaŭ sur la alte kuŝanta Universitato, nacia kaj Esperanta flagoj harmonie flirtis en bela sunbrilo. Ĉio ĉi tio pruvis al ni, ke la urbo kaj ĝia loĝantaro kaj ankaŭ la ĉiela veterfaranto Petruso estis favoraj al nia kongreso. Kaj tiu ĉi bona stato daŭris la tutan semajnon, escepte unu tagon, en kiu, mi ne scias kial, Petruso sendis fulmotondron ĝuste je la internacia balo.

Pri aspekto kaj situacio de la malnova, interesega urbo mi nenion bezonas diri; vi jam estas informitaj pri tio per vortoj kaj bildoj. Mi nur volas konstati, ke F-ino Charlotte Pulvers ne trograndigis en sia artikolo.

La vojo al la Akceptejo kondukas ankaŭ preter la fame konata *Zeitglockenturm*. Sed neniam dum la tuta semajno mi vidis funkcianta ĝian belegan meĥanismon, pro troa okupiteco per kongresaj aferoj.

Nur la faman *ursujon* (Bärengraben) mi kelkafoje vizitis, ĉar mia loĝejo estis senpere apud ĝi. Kun multaj aliaj samideanoj mi ĉiam denove amuziĝis pri la komika konduto de la „protektantoj de Bern".

* * *

Jen la kongresejo: la belega urba *Kazino*, riĉe ornamita per flagoj kaj girlandoj. En ĝi estis lokitaj la Akceptejo, la kongresa poŝtoficejo — en kiu, laŭ afiŝo, „poŝtajojn alvenis" — kaj ekspozicio, pri kiu mi ankoraŭ parolos. En la Kazino okazis ankaŭ ĉiuj kunsidoj kaj endomaj festoj de la programo, escepte la fakajn kunsidojn, kiujn oni lokis en la iom malproksime kuŝanta Universitato, verŝajne pro tio, ke la Kazino ne havas la necesan nombron da malgrandaj ĉambroj.

Enirante la Akceptejon ni trovas amason da interpremiĝantaj samideanoj, kiuj celas la samon kiel ni. La ĉambro estas iom malgranda, tamen bone aranĝita. Inter la diligente laboranta oficistaro ni tuj rimarkas du konatajn ĉefojn: S-ron *Schmid*, la prezidanton de la Organiza Komitato, kaj F-inon *Charlotte Pulvers*, la nove bakitan L. K.-aninon, kiu zorgis pri la kongreslibro. Sur ambaŭ vizaĝojn la streĉa prepara laboro por la kongreso gravuris siajn signojn, kaj ankaŭ la estroj de la aliaj komitatoj kaj la gehelpantoj aspektas kvazaŭ ili ne dormis de kelkaj tagoj. — Fine la vico por ricevo de la kongresaj dokumentoj estas ankaŭ al ni. Krom la bela kongreskarto kaj la ne malpli bela kvinpinta kongresinsigno oni enmanigas al ni grandan koverton, kies enhavon ni tuj esploras. Multaj presaĵoj estas en ĝi, antaŭ ĉio la belega, bone presita kongreslibro; plie la oficialaj raportoj kaj fundamentaj dokumentoj pri la oficialaj institucioj de Esperanto, eldonitaj de la Centra Oficejo, la dokumentoj por la kongreso de U. E. A. kaj fine, krom kelkaj reklamfolioj amaso da programoj, el kiuj nin unuavice interesas la horaro de la kongresaj aranĝoj. Terure! Dum la tuta semajno en ĉiu tago, inter la 8a matene kaj la 9a vespere, nur proksimume po du horoj da libera tempo! Oni vidas, kiel konsiderinda estas tio, kion mi jam pli supre diris.

Post kiam ni — mi nun parolas pri unu amiko kaj mi, kiuj mendis komunan ĉambron — estis ricevintaj ankaŭ nian loĝadkarton, ni kontente reiris al la stacidomo, akceptis nian pakaĵon kaj veturis kun ĝi per fiakro al la loĝejo, montrita sur nia karto. Ĝi estis sufiĉe malproksime, kaj ni jam bedaŭris la antaŭmendon. Ankoraŭ pli ni ĝin bedaŭris, kiam ni, alveninte en la montrita pensiono, devis ekscii de la sufiĉe malafabla kaj malĝentila mastrino, ke ĉiuj ĉambroj jam estis okupitaj kaj ke la komitato ne mendis por ni ĉambron. Imagu nian surprizon! Ni do reveturis al la Akceptejo, atendiĝis la fiakron antaŭ ĝi kaj intertraktis kun la komitato pri alia ĉambro. Post sufiĉe longa tempo ni ja ricevis ĉambron en la proksimeco de la Kazino, sed la eraro de la komitato kaŭzis al ni nesupozitan elspezon de ses frankoj. Ankaŭ al aliaj kongresanoj okazis la sama afero. Tiaj malagrablaĵoj estas nepre evitotaj en venontaj kongresoj.

Ĉar mi ĝuste plendas, mi volas paroli ankoraŭ pri alia plendindaĵo. Laŭ „Grava Sciigo", troviĝanta inter la kongresdokumentoj, oni aranĝis ekskurson al „Jungfrau" por *merkredo*. Sed kvankam la kongresa programo, laŭ noto de la Organiza Komitato, estis „netuŝebla kiel la Fundamento de Esperanto" (ĉu plaĉas al vi ĉi tiu aludo?) la komitato mem ŝanĝis ĝin, anoncante, ke la dirita ekskurso okazos jam *mardon*. Sed ĝi ne sufiĉe insiste sciigis, ke ankaŭ la horo de l'forveturo estis ŝanĝita je pli frue. Ĉar pro tio kelkaj partoprenontoj malrenkontis la karavanon, kaj ĉar marde okazis ankaŭ la unua laborkunsido ĝenerala, kiun aliaj sopirantoj al Jungfrau ne volis preterlasi, oni petis la komitaton pri aranĝo de dua ekskurso, laŭ promeso en la „Grava Sciigo". Sed la komitato malafable rifuzis ĉi tiun peton pro nekonata kaŭzo. Pro tio kelkaj entreprenemaj kon-

ĝresanoj decidis, proprariske aranĝi duan kaj eble trian ekskurson. Sed ili venis pro tio en konflikton kun la komitato, kiu forte kontraŭstaris kaj eĉ volis instiĝi la fervojan administracion, malkonsenti al la ekskursontoj la kutiman rabaton. Nu, la oleo de samideaneco fine glatiĝis la ondojn de reciproka kolero, kaj la projektitaj du ekskursoj okazis, eĉ por iomete pli malalta prezo ol la oficiala. Mi ne komprenas, kial la komitato unue malaprobis la aranĝon de pliaj ekskursoj, tiom malpli, ke ĝi mem kaŭzis la „konspiron" de kongresanoj, kiuj ne en lasta vico venis al la Naŭa, por utiliĝi al si la bonan okazon, viziti la mirindaĵojn de la regiono de l' eterna neĝo por grave rabatita prezo.

* * *

Kiel kutime, ankaŭ la semajno de la Naŭa komenciĝis per *diservoj.* Ili okazis *dimanĉon* antaŭtagmeze inter la 8a kaj la 12a. En la hebrea diservo, en la Sinagogo, predikis rektoro *Saphra* el Annaberg (Saksujo), la protestantan predikon en *Heiligegeist*-preĝejo faris pastro *Rust* el Soham (Anglujo) kaj la katolikoj aŭskultis en la preĝejo „*Trinitatis*" predikon de pastro *Rajczi* el Budapeŝt. Ĉiuj tri diservoj estis multe vizitataj.

Antaŭ la diservoj *devis* okazi naciaj kunvenoj. Sed ili bedaŭrinde *ne povis* okazi, ĉar la komitato metis ilin en tute maltaŭgan lokon: en la vestiblon de la Kazino. Tie vere ne estis eble, aranĝi kunsidojn kaj priparoli iun demandon; mankis seĝoj kaj tabloj, kaj la babilado de la preterpasantaj kongresanoj kaj la reciproka bruo de la ekkunstarantaj naciaj delegitoj malhelpis ĉiun intertrakton. Ni germanoj almenaŭ rapide interkonsiliĝis pri la plej urĝa punkto kaj krom tio decidis protesti kontraŭ la nekomprenebla aranĝo de la komitato. Cetere, kial ne funkciis la naciaj oficejoj, kiujn oni elektis en Antwerpen? Eble pro tio, ke ili en Kraków ne havis laboron pro la bona aranĝo de la Oka?

* * *

*Dimanĉon* posttagmeze je la tria: *la malferma kunsido.* Kiam mi eniras la belegan ĉambregon de la Kazino kelkajn minutojn antaŭ la tria, ĉiuj sidlokoj sur la parketo kaj sur la balkonoj jam estas okupitaj kaj ankoraŭ multaj personoj staras ĉe la muroj. Dank' al mia raportista ofico mi trovas ankoraŭ liberan seĝon ĉe la jurnalista tablo. Mi uzas la kelkajn minutojn antaŭ la komenco, por iom ĉirkaŭrigardi. Krom la proksimume 1100 esperantistoj, inter ili preskaŭ 200 germanoj, ĉeestas ankoraŭ proksimume 900 neesperantistoj. Ĉiuj vizaĝoj sin montras atentoplenaj, nur supre sur la balkono sidas konata nigrabarba pastro kun kunulo, kiuj ŝajnas ne tre kontentaj pri la grandioza kunveno. Ili verŝajne estas surprizitaj pri tio, ke ankoraŭ ekzistas tiom multe da esperantistoj kaj ke tiom multe da aliaj personoj montras intereson pri la „mortiĝanta" lingvo de Zamenhof..

La estrado ankoraŭ estas neokupita. Sed nun, precize je la difinita horo, la eminentularo venas el apuda ĉambro kaj suriras la estradon. Inter ili estas nia Majstro, entuziasmeĝe salutata de sia ekstaranta anaro. Kian ajn opinion oni havas pri la troentuziasmo de la plej multaj samideanoj — en tiu ĉi momento kaj ankaŭ dum la nun komenciĝanta solena kunsido oni povas kompreni la entuziasman senton de la kongresanoj. La malfermaj kunsidoj de niaj kongresoj ĉiam denove ekkaptas ankaŭ la koron de la plej objektiva partoprenanto, kiu ĉe aliaj okazoj deziras iom malpli da aplaŭdo kaj vivu-bruo.

La mezajn lokojn ĉe la honora tablo sur la estrado okupas la eksprezidanto de la Svisa Federacio, Kolonelo *Frey*, prezidanto de la Honora Komitato, kaj Dro Zamenhof. Ĉirkaŭ ili grupiĝas la aliaj komitatanoj, inter kiuj ni kun ĝojo revidas ankaŭ nian alte ŝatatan Generalon *Sébert*, la oficialaj reprezentantoj kaj la naciaj delegitoj. Kaj nun, akompanata per majstra orgenludo de S-ro *Locher*, la fame konata Berna orgeninspektoro, eksonas nia himno, kiun la kongresanoj ĥore kantas. Jen vere solena momento, kies bonan impreson bedaŭrinde iom forviŝis la nenecesa aplaŭdo post la kantado. Ĉu la kongresanoj sin mem volis laŭdi pro sia plimalpli belvoĉa kantado?

Poste Generalo *Sébert*, prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, malfermis la kunsidon, anstataŭante S-ron Mikolajski, prezidanton de la Oka, kiu bedaŭrinde ne povis veni al la Naŭa. Generalo Sébert proponis la jenan, per aklamo akceptitan kongresestraron: S-ro *J. Schmid*, prezidanto; S-roj *René de Saussure* kaj *Ed. Stettler*, vicprezidantoj; S-ro *Gabriel Chavet*, tradicia ĝenerala sekretario. La K. K. K. unue intencis proponi S-ron de Saussure kiel prezidanton, sed tiu ĉi ne volis akcepti la oficon pro sia nebona sanstato. Same per aklamo estis akceptataj la jenaj naciaj vicprezidantoj: Kolonelo *Robinson* por Britujo, S-ro *Rollet de l'Isle* por Francujo kaj Dro *Arnhold* por Germanujo. La listo de la oficialaj delegitoj de regnoj, publikaj administracioj kaj internaciaj asocioj montris entute 18 nomojn. El Svislando estis, krom la honora prezidanto, S-ro *Frey*, nur du el ili: S-ro *Emil Lohner*, direktoro de la publika instruado de la Berna kantono (lin anstataŭis en la kunsido S-ro *Kistler*), sendita de la ŝtatkonsilantaro de la kantono Bern, kaj S-ro *von Büren von Salis*, sendita de la burĝestraro de Bern. Kompare al la antaŭaj kongresoj tiu ĉi nombro de oficialaj reprezentantoj el la lando de l' kongreso ŝajnas surprize malgranda. S-ro *Schmid* klarigis tiun ĉi fakton per tio, ke la libera svisa registaro entute ne ŝatas tro grandan oficialan reprezentecon kaj pro tio ankaŭ ne oficiale invitis aliajn ŝtatojn al delego de reprezentantoj. Mallaŭte oni parolis ankaŭ pri alia kaŭzo de la manko de pli multaj oficialaj delegitoj. Sed ĉar mi ne povas kredi la diron, mi ne volas ĝin konigi ĉi tie.*)

Mi povas preterlasi la citadon de multegaj telegramoj kaj salutleteroj, venintaj eĉ el tre malproksimaj landoj, kiujn S-ro *Chavet* komunikis, ĉar tio estas ĉiujare revenanta kaj ĉiam same multe aplaŭdata afero. Sed ne preterlasi mi devas la resumon de la paroladoj de kelkaj oficialaj reprezentantoj. Unue ekstaris Kolonelo *Frey*, kies spiritplena vizaĝo kaj simpatia parolmaniero forte impresis la aŭskultantojn.

*) Tamen la aludita famo estas ne malvera, ĉar la koncernaj personoj mem ĝin poste konfirmis. Jen ĝi estas: La idistoj estis skribintaj al la Svisa Federacio, al la ŝtatkonsilantaro de l'kantono Bern kaj al la burĝestraro de Bern, ke oni ne sendu oficialajn reprezentantojn al la kongreso de Esperanto kaj ne finance subtenu ĝin! Niaj „amikoj" motivis ĉi tiun malnoblan agadon per tio, ke ili volis gardi la diritajn oficistarojn antaŭ supozeble malbone akceptota partieco por *unu* sistemo mondlingva! Tre povas esti, ke tiuj ĉi „boncelantaj avertoj" havis iom da sukceso. *Red.*

Li parolis germane, same kiel la du post li parolantaj sinjoroj. Por fari la paroladojn kompreneblaj ankaŭ por la alilingvaj kongresanoj, F-ino *Haeberli* tuj tradukis ilin Esperanten. S-ro Frey salutis la kongreson sur la neŭtrala tero de Svislando, kiu estas okazejo de multaj kongresoj. Li aludis nian Duan en Genève, en kiu ties honora prezidanto, la fama filozofo Ernest Naville, starigis por si monumenton en la koroj de la esperantistoj per sia bela parolado. „Doni al la homaro mondlingvon signifas, fari al la homoj unu el la plej grandaj servoj" daŭrigis S-ro Frey, kaj li esprimis sian konvinkiĝon, ke per mondlingvo la homaro estos kondukata al toleremo. Kaj la toleremo en la interpopola vivo sekvigos la finon de malpaco kaj malamo, kiu nun ankoraŭ ekzistas ĉefe per la diverseco de la naciaj lingvoj. Tamen la reciproka toleremo inter la popoloj ne forigos la nacian ideon, sed interfratigas la popolojn.

Estas kompreneble, ke tiu ĉi bela parolado trovis varman akcepton en la koroj de la ĉeestantoj.

Denove nun sekvis solena interakto: nedireble bela orgenludo de S-ro *Locher*. Unue li ludis la „Pilgrimĥoron" el la opero „Tannhäuser" de Richard Wagner, kaj poste improvizajon pri nia himno. Precipe ĉi tiu lasta estis tiel bela, ke ĝi estas nepriskribebla per vortoj. Mallaŭte, kvazaŭ en nebulo, la ludo komenciĝas, timeme la sonoj de nia himno aŭdiĝas, por tuj ree perdiĝi en plifortiĝanta bruo, kiu kvazaŭ fulmotondro kaj milita kanonado tramuĝas la vastan ĉambregon. Sed nevenkebie kaj obstine nia himno denove aperas, ankaŭ ĝi pli kaj pli laŭtiĝas, ĝis fine ĝi triumfe superas ĉiujn malhelpajojn kaj en gloro proklamas la interhoman pacon. La tuta ĉeestantaro estis emociita pri tiu ĉi muzikajo kaj el plena koro dankis S-ron Locher pri la havita ĝuo.

Post tiu ĉi agrabla interrompo parolis S-ro *Kistler*, kiu estis akompanata de la oficiala ŝtatservisto. Li atentigis pri la grava helpo, kiun komuna lingvo internacia povas fari al la turisma afero precipe en Svislando, kie ĉiujare kolektiĝas gastoj el la plej diversaj nacioj. Ankaŭ li vidas en la mondlingvo la ponton, sur kiu la anĝelo de l' paco paŝas de popolo al popolo.

Kiel lasta oficiala reprezentanto neesperantista parolis S-ro *Rollier* en la nomo de *Verband zur Schaffung eines Weltspracheamts* (Unuiĝo por starigo de mondlingva oficejo) en Bern. Li aljuĝas al Esperanto la plej grandan varboforton por la starigota oficejo kaj li esperas, ke nia lingvo en la unuiĝo baldaŭ okupos la lokon, kiu konvenas al ĝi laŭ ĝia graveco. Eĉ se nun ankoraŭ ekzistas konkura batalo inter mondlingvaj sistemoj, lia saluto estas destinita por paca kunagado. — Belaj kaj certe sinceraj estis la paroloj de S-ro Rollier, sed verŝajne li ne sufiĉe rekonas la gravajn barojn, kiuj por la nuna momento ankoraŭ malhelpas la efektiviĝon de liaj ideoj.

Funebran vualon metis sur la kunvenintaron la parolado de Dro *Boirac*, kiu per varmaj vortoj honoris la memoron pri la mortintaj samideanoj Dro *Dor*, *de Ladevèze*, *Carlo Bourlet* kaj *Abato Richardson*. Por esprimi sian doloron pri la perdo de tiuj ĉi fervoraj pioniroj, la ĉeestantaro leviĝis de siaj seĝoj.

Kaj nun venis momento, kiu rememorigis al ni la fakton, ke nia afero transiris en novan periodon: la tradician kongresparoladon la unuan fojon ne faris nia Majstro, sed S-ro *de Saussure*. Oni scias, ke Dro Zamenhof en Kraków formetis sian oficialan rolon kaj ke li malaperis de sur la publika scenejo, por en estonteco sin kaŝi inter la multnombraj kongresanoj. Tiu decido estas certe doloriga por la kongresanoj, sed ili bone komprenas ĝin kaj ne provas perforte reteni la Majstron sur la podio, kie li kutime dum la daŭro de la kongresoj sidis inter la kongresestraro. Tion ĉi S-ro de Saussure rememorigis al ni en la komenco de sia parolado kaj poste priparolis la taskojn, kiujn la esperantistaro devas plenumi en la nova periodo de sia afero. La parolado estas tro grava, por esti resumita nur per kelkaj vortoj; sed ĉar ĉi tie ne estas loko por ĝin detale priparoli, mi rekomendas al vi, karaj legantoj, ke vi atente legu ĝin en *Oficiala Gazeto*, en kiu ĝi plene estos publikigata.

La poste sekvantaj salutparoloj de la naciaj delegitoj faris pli-malpli bonan impreson. Bonan impreson faris tiuj, kiuj estis mallongaj kaj tamen enhavoriĉaj, kiel ekzemple tiuj de S-ro *Bricard* (Francujo) kaj de Dro *Ledermann* (Germanujo). Sed bedaŭrinde la plej multaj parolantoj ne komprenis la celon de tia saluta parolo; ili pensis, ke ili devas fari abundon da vortoj sensignifaj aŭ tro entuziasmaj, por meti sin en bonan lumon. Ho, kiel miopaj ili estas! Ili ne pripensas, ke krom ili ankoraŭ parolis aŭ parolos aliaj salutantoj, kiuj entute diras ĉiam la samon; ili ne sentas kompaton kun la aŭskultantoj, kiuj estas superŝutataj per la ondoj de iliaj paroladoj kaj preskaŭ dronas en tiu ĉi maro pro tedo. Ĉu en venontaj kongresoj ne estos eble, limigi la parolemon de la plej multaj naciaj delegitoj? Mi proponas, ke oni al ĉiu el ili donu paroltempon de nur du aŭ tri minutoj. Eble ankaŭ helpus, se la kongresanoj montrus sian malkonsenton pri la tedaj paroladoj per neaplaŭdo, ĉar, se ili konstante kaj senpripense aplaŭdas ĉiun paroladon, la parolantoj opinias siajn vortojn bonvenaj. Ĉi tiun fojon parolis el 17 nacioj entute 23 delegitoj, kiujn mi ne volas citi laŭnome. Nur unu el ili estu aparte menciata: S-ro *Tamke* el Agathenburg (Germanujo) transdonis la salutojn de la Internacia Ordeno de la Bontemplanoj. Li faris tion laŭ ricevita letero de la Ĉef-Bontemplano, S-ro *Wavrinsky* el Stockholm, kiu proksimume skribis la jenon:

„Kara frato Tamke! Ĉar mi eksciis de frato Brockhof, ke vi veturos al Bern, por partopreni la internacian Esperanto-Kongreson, mi volas vin rajtigi per tio ĉi, *transdoni al la kongreso la plej sincerajn bondezirojn de la I. O. G. T. kaj esprimi la simpatiojn, per kiuj nia ordeno atentas la klopodojn por universala helplingvo. — Al Esperanto, la pionira helplingvo, la ordeno montras sian varman ovacion . . . .*"

Nu, ankaŭ la longa vico de la naciaj salutantoj havis finon kaj cedis al pli rimarkinda afero. Ekstaris Generalo *Sébert* kaj preparis la transdonon de *ora medalo* al *Dro Zamenhof* per kelkaj klarigoj pri la sekvanta solena akto. En la nomo de la tuta esperantistaro li dankis al la Majstro pro lia verko kaj pro lia laboro dum la pasintaj dudek kvin jaroj. Por montri la dankemon de la esperantistaro ankaŭ per

ekstera signo, li transdonis al la prezidanto, S-ro *Schmid*, la oran medalon, elpensitan de S-ro *de Saussure*, kaj S-ro Schmid iriĝis al la Majstro du nacie vestitajn svisajn belulinojn, kiuj donace prezentis la medalon al la aŭtoro de Esperanto.*) Dume la staranta ĉeestantaro faris al la *Eksmajstro* grandan ovacion. Dro Zamenhof dankis kortuŝite kaj diris per forta voĉo, kian mi ĝis nun ne aŭdis de li, ke li, pripensante la unuan epokon de Esperanto, estas konvinkita, ke nia afero nun estas sendependa de homoj. „Mortas homoj kaj venas novaj", li diris, „sed tio ne influas nian aferon, ĉar ĝi firme staras!"

Ĉe tiuj vortoj mi rigardis al la balkono, por vidi, kian impreson ili faras al la nigrabarba pastro. Bedaŭrinde li jam foriris kaj ne plu povis aŭdi ĉi tiun belan konfirmon pri la sole reala kaj praktika helplingvo.

Per kantado de nia himno, akompanata per orgenludo, finiĝis la malferma kunsido.

* * *

Sed la kongresanoj ankoraŭ ne estis liberaj por tiu ĉi tago. Tuj post la kunsido ili kolektiĝis antaŭ la Kazino, por fari komunan *marŝadon* tra la urbo al la Federacia palaco. Muzikistaro malfermis la iradon kaj kvarope sekvis la kongresanoj. Ili estis ordiĝitaj laŭ nacioj, kaj je ĉiu nacio estis antaŭportata la koncerna nacia flago. Nacioj, el kiuj ĉeestis malpli ol dek kongresanoj, sekvis la komunan Esperantan flagon, kaj inter ili estis ankaŭ 5 nigraj samideanoj el *Martinique*. En la stratoj, tra kiuj la irantaro venis, atendis ĝin multege da interesiĝantaj Bernanoj. Kiam la pinto alvenis sur *Bundesplatz*, la muzikistaro ekludis la svisan himnon, la kapoj senĉapeliĝis kaj solene la strofoj de l' himno al la libereco sonis esperantlingve el pli ol mil buŝoj. Tian impresoplenan ovacion la serioza Federacia Palaco certe ankoraŭ ne vidis antaŭe.

Malrapide la marŝantaro reiris al la kongresejo, kie okazis nova ovacio antaŭ *Dro Zamenhof* staranta kun la honorindaj eminentuloj sur la balkono de l' Kazino. La flagoj salutante malleviĝis antaŭ la spirita reĝo de Esperantujo, la regnanoj vivu-kriis kaj nun la himno al paco kaj interfratiĝo potence tramuĝis la klaran aeron, renkonten al sia kreinto . .

Vespere la Societo por Fremduloj honoris la kongreson per elektra lumigo de l' turo de la belega katedralo.

* * *

*Lundo* estis libera tago por la ĝeneralaj kongresanoj. Ili bone uzis la okazon, por rigardi la vidindaĵojn de la urbo. Mi volis esplori la *Esperantan ekspozicion* en la Kazino. Sed ho ve, kia seniluziiĝo! Kion mi trovis, estis ĉio alia, sed ne ekspozicio. Sur unu muro troviĝis sensisteme kunmetita kolekto da gazetoj, inter ili eĉ mortintaj, apude kuŝis kelkaj libroj kaj sur antaŭe staranta tabulo estis fiksitaj kelkaj poŝtkartoj. Tio estis la tuta ekspozicio. Kaj per ĝi oni volis montri al neesperantisto la staton de nia afero! Ĉu tio ne estas krimo kontraŭ Esperanto? Pli bone estus, se oni ne aranĝus ekspozicion dum internacia kongreso, se oni ne havas indan materialon. Kiel bela estis nia ekspozicio en Stuttgart!

*) Ni atentigas pri tio, ke la sama medalo, en arĝento kaj en formo de moneroj valorantaj 1 kaj 2 Sm estas haveblaj ĉe Ader kaj Borel en Dresden. *Red.*

Ĉagrenite mi forturnis min de tiu hontiga afero kaj vizitis la vendejojn en la antaŭa parto de la ĉambrego. Kiel bona kongresano mi antaŭ ĉio aĉetis ekzempleron de la nova memormedalo, kiun afable prezentis al mi F-ino *Roksano*, kaj poste mi sekvis la konatan afablan inviton: „Vizitu S-inon *Farges*, ŝi jus alvenis". Kiel ĉiam ŝi estis gaja kaj havis amason da novajoj, el kiuj plej plaĉis la nova serio de poŝtkartoj montrantaj karikaturojn de niaj eminentuloj. Plue mi trovis vendejojn de la librista firmo *Francke* el Bern, de *Ader & Borel*, de S-ro *Cuzon* el Charenton, de la *U. E. A.-Librejo* kaj kompreneble ankaŭ de la nenie mankanta *Propagando-Instituto* el Leipzig.

Suprenirinte en la vestiblon mi sidiĝis en angulo, por iom rigardi la kongresan vivon, kiu ĉiam denove prezentas allogan bildon. Jen oni diskutas pri kongresaj demandoj, jen iu serĉas ion perditan, jen reciproke salutas sin alvenantaj amikoj, jen sidas kelkaj — ne multegaj skribantoj de poŝtkartoj. La du oficistoj en la poŝtejo estas plenmane okupitaj kaj preskaŭ ne povas kontentigi la alpremiĝantajn demandantojn. Seninterrompe iras la fluo de kongresanoj al la Akceptejo kaj for de ĝi, kaj mi havas okazon, pli ol unufoje observi agrablajn scenojn kaj vidi de proksime niajn eminentulojn. Jen la kongresa vivo, kia mi ĝin ŝatas.

* * *

*Mardon* komenciĝis la *kongresa laboro*, kiu estis farata en *tri ĝeneralaj kunsidoj* (marde, merkrede, sabate). Tro granda la laboro ja ne estis, tamen sufiĉe grava. La laborajn kunsidojn prezidis S-ro *Stettler*, kiu estas vere modela gvidanto de kunvenoj. Dank' al liaj lerteco kaj energio, dank' al liaj aliaj bonaj ecoj, kiuj lin ĝuste antaŭdestinas por tia ofico, la traktadoj estis precizaj, bone kompreneblaj kaj — mallongaj. Ĉar multaj kongresanoj ne ŝatas labori dum kongreso, la laboraj kunsidoj estis malpli bone vizitataj ol la malferma, kaj ili povis okazi en pli malgranda ĉambrego. Reprezentataj per rajtigitaj delegitoj estis 8900 grupanoj havantaj 356 voĉojn. Ĉi tiu nombro ŝajnas malgranda kompare al la du antaŭaj kongresoj. Sed oni konsideru, ke en Antwerpen oni pagis nenion por la *Rodoj*, dum en Kraków interalie nia germana asocio pagis por ĉiuj siaj grupoj. Tion ĝi en Bern ne faris, kaj ĉar multaj el la germanaj kaj ankoraŭ pli multaj el la alilandaj grupoj ĉi-tiufoje ŝparis la po unu spesmilo por delegitoj, la nombro de tiuj ĉi iom plimalgrandiĝis. Sed ni esperu, ke la grupoj iom post iom ekkonos la valoron de la institucio de rajtigitaj delegitoj.

*Dro Zamenhof* ĉeestis ĉiujn laborajn kunsidojn, sed fidele al sia deklaro li prenis sian lokon inter la ordinaraj kongresanoj.

Antaŭ la komenco de la unua kunsido kunvenis la rajtigitaj delegitoj, por private priparoli kelkajn demandojn. Tio okazis, por liberigi la ĉefajn kunsidojn de malgravaj aferoj kaj por prepari la farotajn proponojn. (Vidu la decidon ĉe la fino de la unua kunsido.)

En la *unua kunsido* la sekretario, S-ro *Chavet*, legis la ankoraŭ alvenintajn salutojn. Poste ekstaris S-ro *Schmid* kaj komunikis salutan telegramon kaj postan klarigan leteron de S-ro *Ed. Wenk* el *Basel*, eksprezidanto de la Svisa Ido-Unuiĝo. S-ro Wenk sciigas en sia detala letero, ke li forlasis la laboron

por Ido, ĉar li konvinkiĝis, *ke la sukcesoj de Ido estas nulaj, dum Esperanto bone progresas.* En lia urbo ekz. la sukcesoj de Ido nun, post kvin jaroj, estas malpli grandaj ol antaŭe.*) Laŭ lia opinio Ido neniam venkos, tiom malpli, ke la ĉefajo en la Idomovado estas la personaj interesoj de ĝiaj gvidantoj. S-ro Wenk nun revenis al Esperanto kaj laboras por ĝi en niaj vicoj.

Sekvis la raportoj pri la diversaj oficialaj institucioj. La kongresanoj havis ilin en la manoj, dank' al la antaŭzorgo de la Centra Oficejo, kaj la nekongresanoj trovos ilin en *Oficiala Gazeto*, same ankaŭ la diskutojn pri ili. Do mi ne bezonas ilin pritrakti ĉi tie.

Iom longan debaton kaŭzis la propono de S-ro *von Frenckell* pri la rajto de la rajtigitaj delegitoj, aranĝi kunvenojn kiel la ĉi-supre priparolitan. Post multaj paroloj por kaj kontraŭ la propono estis akceptata per ĉiuj kontraŭ 7 voĉoj. Jen ĝia teksto:

La rajtigitaj delegitoj havu la rajton kunveni kaj la okazon voĉdoni pri preparaj proponoj, poste antaŭmetotaj al la voĉdonado de ĝenerala kunveno.

La *dua kunsido* estis la plej grava; ĝi finis la dujaran diskuton pri internacia organizajo kaj akceptis deziresprimojn, kiuj klare montras la irotan vojon. S-ro *Chavet* resumis kaj klarigis la raporton de Generalo Sébert pri la komisiono por ĝenerala organizajo, kaj ĉar neniu diskuto estis dezirata pri ĝi, oni *unuanime akceptis* la jenajn deziresprimojn:

1. La kongreso aprobas la kunordigon de la nun ekzistantaj institucioj kaj publikigon de la teksto de tiu kunordigo laŭ la plano montrita en la raporto (aldono Ia).

2. La kongreso denove rekomendas al la naciaj societoj, ke ili esploru la demandon pri bonvola organizo de kunlaboro de la esperantistaj societoj kaj grupoj laŭ la projekto montrita en la aldono IIa de la raporto, kaj konsiderante, ke jam kelkaj societoj kaj grupoj akceptis aliĝi al tiu projekto de kunlaboro, la kongreso invitas la Centran Oficejon, ke ĝi organizu de nun la komencon de la efektivigo de komuna agado.

3. La kongreso konstatas, ke la komisiono por ĝenerala organizajo finis sian taskon kaj dankas ĝin pro ĝia valora laboro.

Do, esperantistoj ĉiulandaj respektu la kongresajn dezirojn kaj agu laŭ ili!

Poste parolis *Dro Proelß* el München pri aliĝo al la institucio „La Ponto", pri reveko de la Farmaciista Societo Esperantista kaj pri novaj propagandiloj.

S-ro *Schmid* donis klarigojn pri „La Ponto" rilate al la tradukoj de la konata broŝuro kaj la interveno de Prof. Ostwald, kiu donacis 100 000 M. al la instituto, kiu pro tio forlasis Esperanton kaj nun uzas Idon — sen sukceso.

La *tria kunsido* komenciĝis per legado de laste alvenintaj salutoj kaj sciigoj. El ili estas speciale grava la komuniko, ke la rusa ministerio de komerco kaj industrio donacis al Petersburga Societo Esperantista 1000 rublojn por fondo de internacia informejo por komercaj kaj industriaj aferoj. Ankaŭ tre malĝojigan sciigon ni aŭdis: Mortis subite filo de S-ro *Frey*, la honora prezidanto de la Naŭa; la kongreso sendis al li kondolencesprimon.

Sekvis nun „la batalo" pro la venontaj kongresoj. Unue oni malakceptis la proponon, raportitan de S-ro *Chavet*, okazigi la internaciajn kongresojn ĉiun duan jaron. Oni rezonis, ke por la nuna tempo niaj kongresoj ankoraŭ estas bezonaj en ĉiu jaro pro propagandaj celoj. Poste oni traktis pri la loko de la 11a Kongreso en 1915. Invitoj alvenis el *Edinburgh* kaj *San Francisko.*

S-ro *Warden* tre insiste invitis la kongreson al sia urbo Edinburgh. Por montri, ke la kongreso en Skotujo bone sukcesos, li konigis kelkajn statistikajn tabelojn pri la antaŭaj ok kongresoj. El la tre interesaj tabeloj rezultis, ke la skotaj samideanoj estas plej kongresemaj. Krome la skotoj starigis garantian kason, kiu jam montras preskaŭ 6000 Sm. S-ro Warden estis ankoraŭ apogata de kelkaj aliaj parolantoj, kaj la kongreso fine unuanime decidis okazigi la 11an Universalan Kongreson de Esperanto en Edinburgh.

Ĉar ankaŭ la grupo de San Francisko instistis pri sia invito, pro la universala ekspozicio, kiu en 1915 okazos en tiu urbo, oni proponis, en 1915 aranĝi du universalajn kongresojn, eŭropan en Edinburgh kaj amerikan en San Francisko. Ĉi tiu propono estis malakceptata, sed oni esprimis la deziron, ke la Usonanoj en 1915 aranĝu Nord- aŭ Tut-Amerikan Kongreson en San Francisko, kun kiel eble plej multaj delegitoj el aliaj kontinentoj.

Por 1916 jam estis farataj invitoj al Alger kaj Kopenhagen.

Post fino de la prikongresa debato venis diversaj sciigoj kaj proponoj.

S-ro *Stettler* komunikis, ke fondiĝis Esperantista Komercista Unuiĝo (E. K. U.) laŭ la plano de S-ro *Nedoŝevin* (prez.); sekretario estas S-ro *Steier.*

S-ro *Kronenberg* faris proponon pri starigo de monumento de Esperanto pro la pasintjara jubileo kaj pro la Deka.

*Dro Zamenhof* trafe kontraŭdiris la proponon, dirante: „Ni ne ridigu nian movadon; nia monumento estu nia laboro."

S-ro *Rollet de l' Isle* faris detalajn sciigojn pri la Deka. S-ro Bourlet, kiu jam tiom fervore komencis prepari la kongreson, postlasis pri la aranĝoj plenan planon, laŭ kiu la komitato povas plue labori kaj kiu certigas supozeble bonan sukceson. Oni jam kolektis garantian kapitalon de 15000 frankoj. Do, kvankam bedaŭrindege la grava helpo de Bourlet mankos, tamen la afero, dank' al lia antaŭzorgo, estas en bona stato. Konfidoplene la kongresanoj povos iri en la venonta jaro al Paris kaj zorgi per grandnombra partopreno pri tio, ke nia Deka fariĝu la grandioza manifestacio, kia ĝin forte deziris nia mortinta amiko.

Post kelkaj ĝeneralaj informoj de la kongresa prezidanto ĉi tiu kunsido finiĝis kaj kun ĝi la ĝenerala laboro de la Naŭa.

* * *

*Dimanĉon* matene, je la $9^1/_2$a, la kongresanoj lastan fojon oficiale kunvenis en la granda ĉambrego de l' Kazino por la solena ferma kunsido. Ilia nombro jam plimalgrandiĝis, ĉar multaj el ili jam forveturis aŭ hejmen aŭ ekskurse en la svisan lan-

*) Tio estas ankaŭ en aliaj urboj, sed la idistoj tion neniam konfesas. Ili parolas konstante pri bonaj progresoj, sed ne montras ilin per nombroj. *Red.*

don. La malpleneco de l' ĉambreĝo estis bedaŭrinda; ĉeestis kelkaj „amikoj", kiuj tre ĝojis pri tio. Lastan fojon ni aŭdis belegan orgenludon de S-ro *Locher* kaj adiaŭante dankis al li pro lia eminenta majstreco. Ankaŭ ĉi tiun kunsidon prezidis S-ro *Stettler*, anstataŭante la laciĝintan prezidanton.

Por la K. K. K. oni elektis novajn membrojn, t. e. *tria* (escepte!) por la komitato de la Deka en Paris kaj du por Edinburgh.

S-ro *Privat* raportis pri la *oratora konkurso*, kiu okazis *sabaton* matene. Bedaŭrinde mi ne povis ĉeesti la konkurson kaj pro tio devas kontentiĝi pri la komuniko de la rezultatoj. La unuan premion ricevis S-ro *Pichon* el Paris, ankoraŭ juna, sed tre lerta samideano; li parolis pri *toasto al patrujo*. La dua premio estis aljuĝata al S-ro *Mahn* el Breslau, kiu gloris *iun heroon de l' historio* (D-ron Zamenhof). S-ro *Rajczi* el Budapeŝt, kiu elektis la temon *protektado al infanoj*, povis akcepti la trian premion, kaj al S-ro *Jacobs* el Antwerpen, kiu jam montris sin al ni kiel Modredo en Ginevra kaj en la konkurso pritraktis la *mortpunon*, oni donis la kvaran premion. La ceteraj partoprenintoj ricevis konsolpremiojn. La laŭreatoj ricevis la premiojn el la mano de nia reĝino S-ino *Hankel*.

Uzante la bonan okazon S-ro *Privat* aliĝis rimarkindan paroladon pri la akcento en Esperanto. Li trafe kritikis la malbonan akcentadon de la Esperantaj vortoj de diversaj nacianoj kaj difinis la akcenton jene: Ĝi estas halto en la mezo de la vorto, aŭ pli ĝuste, inter radiko kaj finiĝo.

Sekvis la finparoloj de la naciaj reprezentantoj, kiuj dankis al la komitato pro la aranĝo de l' kongreso. (Por Germanujo parolis Patentadvokato *Schiff* el Berlin.) Dankon la komitato certe meritas, ĉar ĝi faris gigantan kaj entute kontentigan laboron. Ankaŭ mi ne ŝanceliĝas konfirmi tion, malgraŭ miaj plendoj; tute perfekta ja estas nenio en la mondo. Fine, kiel lasta, ekstaris S-ro *Schmid*, por kore danki al ĉiuj, kiuj helpis sukcesigi la kongreson per morala aŭ financa subteno.

Lastan fojon eksonis nia himno — kaj la Naŭa apartenis al la estinteco.

* * *

Ankaŭ mi estas ĉe la fino, t. e. de mia letero. La bela tago, en kiu mi ĝin skribis, vesperiĝas, kaj sur la malproksimaj neĝkovritaj montoj sin montras alpa ruĝiĝo. Belega aspekto! Reveme mi rigardas ĝin, kaj en mian koron ŝteliras la bedaŭro pri tio, ke mi devas forlasi ĉi tiun majestan naturon. Tia estas la vivo: multege da unutonaj, ofte malagrablaj tagoj ĝi prezentas al ni, kaj la malmultaj agrablaj kaj belaj, kiujn ni deziras restiĝi por ĉiam, rapide pasas. Sed ne la memoro pri ili! Tia estis ankaŭ la Naŭa Kongreso. Li alportis al ni pli ol unu nedezirindan aferon, sed brile elstaras el ili la belaj momentoj, kiuj sin neforigeble gravuris en nian memoron kaj ĉiam denove instigas nin al energia laboro por la bono de nia afero.

Kaj nun adiaŭ, karaj legantoj.
Fartu bone, kaj sen krizo:
Ĝis revido en Parizo!
Kore salutas vin

via ekskongresano
*Onklo Tobias.*

# Memoroj pri la plezuroj de la Naŭa.

En la kongresaj programoj fariĝis fakto, ke tri kvaronoj de la tuta tempo en la esperantista samajno estas destinitaj por la laboro, por la serioza flanko de nia afero. La lasta, la kvara „kvarono" estas por la amuzado. Sed, al la atenta filozofo ŝajnas, ke multe da ĝekongresanoj pligrandigas tiun ĉi amuzan kvaronon al triono — eĉ *duono*. „Ho ĉesu paroli!" krias la laborema kongresano. Jes! Mi silentas kun la kondiĉo, ke mi povas silenti *ridetante*. Kial ne?

Nu, mi ne volas forrabi la tempon de vi, babilante pri aferoj . . . Almenaŭ mi volas fari mian agrablan devon, unue raporti pri la plezura programo de la Naŭa. Poste, se ankoraŭ estos tempo kaj spaco — nu ni vidos.

La unua festo estis la ĝardenfesto en „*Innere Enge*", *lundon*, la 25an de Aŭg., vespere. Tre ĉarme ornamita la bela ĝardeno, lumigita per lampionoj, reprezentanta la ideon de *itala nokto*. Post la oka venis la geesperantistaro, la Berna kaj la internacia — multenombre. Oni venis, vidis kaj — ĝojegis revidi la geamikojn el la tuta mondo. Estas ne eble, priskribi la vere koregan ĝojon, la senton de la impulsa amika amo, ree teni la manojn de gefratoj samideanaj. Kaj la belega ĝardeno povas rakonti, kiom da manoj, kiom da koroj, kiom da sentoj renkontiĝis denove sub arboj verdaj, en la lumo de la verdaj lampionoj. De tablo al tablo oni iris kaj ĉiam denove scenoj de ĝojaj revidoj. Dume la orkestro ludis internacie elektitajn muzikajojn, komence la himnon kiel solenan malfermon. La impresa sento estis vere belega. Trapaŝante la vicojn de l' tabloj oni vidis, ke formiĝis jen kaj jen malgrandaj grupoj, amikaj rondoj, babilantaj pri la okazintajoj de la lasta jaro, de post la Oka en Kraków ĝis la Naŭa en Bern. — Sed la horoj forflugis. Post la fino de l' koncerto oni iom post iom alproksimiĝis al la urbo, sciante, ke en Bern ekzistas agrablaj kafejoj, kie oni povas festi la revidon ankoraŭ tute private. Pli mi ne povas skribi, ĉar, kiel jam dirite, estis privataj plezuroj.

La sekvanta vespero, *marde*, havis la teatran prezentadon. La bela intima Varietea Teatro vere faris la impreson kvazaŭ suda ĝardeno. Ree ĝardena festo? demandas la leganto: Ne, ne! Jen la klarigo! Floroj de la spirito, de klereco kaj la plej belaj — floroj de la beleco ornamis la parteron kaj la loĝiojn. La sinjorinoj kaj fraŭlinoj de Svisujo, de Bern precipe, estas belegaj, amindaj —. La ĉeestintaro internacia min subtenas per certigo! Kaj la teatrajoj? La unua, *Patreco*, ŝajnis al mi elektita iom sub malfeliĉiĝa astro. La impreso atingis pro tio tute la kontraŭon de la bona intenco. Se estas permesate al mi, kiel felietonistino, mi ekstraktas mian kritikon kaj raporton en la esprimo: „Oni pripensu ĉe elekto de teatrajo, ke oni ne pritraktu problemojn socialajn okaze de kongresoj. La prezentajoj devas doni al la geaŭdantaro neforgeseblajn sentojn de belo kaj spirito. Ĉio alia estas vana penado."*)

*) Verŝajne pro ĝentileco kontraŭ la aktoroj — ili estis simplaj horloĝistoj el La Chaux-de-Fonds — la raportintino ne diris ion pri la ludateco de tiu ĉi teatrajo. Sed ni estu sinceraj: se la dramo pro sia tendenco jam ne estis taŭga por esperantista kongreso, tiom malpli taŭgis la ludado de la aktoroj, kiuj laŭŝajne pli bone volis ol povis. Ilia elparolado de nia lingvo estis entute terure malbona, tiel ke oni sin ofte demandis: ĉu tio estas vere

Tiom pli granda estis la ĝuo, kiun sugestie donis al ni *Ginevra*. Kiel suda vento, kiel floraj girlandoj estas la poemo, profunda la ideo, arta la verko mem. Al ĉiu kongresano estas konata la teksto. Pro tio mi nur ankoraŭ bezonas memorigi la leganton pri la belega prezentado per la flandraj geaktoroj. Entuziasme mi pensas al la ĉarmoplena ludo de S-ino *Helene Bertrijn*, al la majesta reĝo de S-ro *Van der Velde*, al *Lancelot* de S-ro *Verstraete* kaj al *Modredo* de *Jan Jacobs*. Nia genia samideano *Privat*, la aŭtoro de la lirika dramo, meritas tutan nian dankon pro la granda ĝuo, kiun li faris al ni. Per *Ginevra* oni forgesis la malfeliĉan impreson de *Patreco* kaj ankoraŭfoje manpremas S-ron Privat pro lia belega verko. Laŭraj kronoj kaj aplaŭdego atestis al la aŭtoro la sentojn de la aŭskultintaro.

Tre ĉarma festeno kunigis la grandan esperantistan familion en la *Kazino* dum la tagmanĝo, *merkredon*. Multe da tostoj, kiujn oni bedaŭrinde ne povis plene aŭdi pro la bruado de la privataj interbabiladoj. Mi sidis je la flanko de la salonego kaj nur aŭdis, se oni ridis pri ŝerco dirita de l' parolanto. Sed mi sidis en tre agrabla amika rondo, kaj ĉirkaŭrigardante miaj okuloj atingis geamikojn —. Koro, ne postulu plion! Sed post la deserto batis la horo de la — fotografisto. „Trans la *Kirchfeld*-ponton al la Historia Muzeo", estis la signaldiro. Sed oni kalkulis ne demandinte la sunon. Ĝi tiel arde certigis al ni sian brilan amon, ke la restado sur la muzea ŝtuparo fariĝis antaŭsento de l' infero. Pro tio oni alproksimiĝis al la rivero *Aare* kaj — la grupo aranĝiĝis bone, kiel atestas la fotografajoj, almenaŭ al tiuj, kiuj posedas ekzempleron.

Vespere okazis la granda koncerto de la Berna virĥoro. Ili bonege kantis. Inter la du grandaj ĉefverkoj precipe ravis nin la kamparaj kantoj kun la jodloj laŭ originala alpa maniero. S-ino *Essigmann* (S-ino Esperantistino) prezentis al ni per sia bela alda voĉo Esperantajn kantojn. Speciale la kanto „Al mi parolu" estis tre bone prezentata. Kvarteto de kordinstrumentoj, kiu tiel ekzakte kaj belsone ludis kvarteton de Haydn, meritas plenan laŭdon. La plej granda artisto de la koncerto certe estis la orgenisto S-ro *Locher*, kiu ree transigis al ni belegajn harmoniajn sentojn.

Ĝis nun oni dividis la tagajn horojn en labora kaj en plezura parto. *Ĵaŭdo* fariĝis escepto, ĉar ĝi estis dediĉata tute al plezuro. Kaj ĉar ĝi estis escepto, mi lasas la raporton pri ĝi al alia plumo, kiu detale priskribos la belan tagon.

La ĉefa plezuro jam post la ekzisto de l' kongresoj esperantistaj estas la granda internacia balo. La Naŭa ne faris escepton. Precipe rajtigis la ĝojon la juna geesperantistaro. La kvietan rigardanton ĉiam denove ekkaptas la ĉarma intermikso de la naciaj temperamentoj. Sed ŝajnas al mi, ke ni esperantistoj posedas apartan temperamenton, estas la sento de vera plenkora ĝojo pri la bonsukceso de la interrilatoj.

Tie — sur la balo oni povis rimarki, ke Esperanto havas gravan rivalon. Estas la eterna internacia lingvo de la amo! Ĉu ne? Esperanto kaj la dancado estas la helpantoj. La okuloj parolas silente, sed lerte, la koralaj lipoj aldonas Esperante la klarigon, kaj la manoj sigelas la fakton, ke amo kaj Esperanto estas harmonia paro.

Nu, mi ree komencas babili. Ne eble estas, paroli pri ĝuoj kaj forgesi la riĉan bufedon malvarman, kiu iluziigis al ni la „ŝlarafan landon". Malgranda diableto zumis en mia orelo kaj rakontis, ke ĝi vidis diversajn rondojn, kiuj ankoraŭ sidis ĝis la mateno, trinkante ĉampanon, kompreneble „je progreso de Esperanto"!

Mi kredas, ke la sabata mateno vidis multe da okuloj, kiuj ankoraŭ ne sufiĉe dormis. Sed tio faras nenion! La rememoro estas tro bela, domaĝe, ke la horloĝo ne sentas kompaton kaj haltigas la horojn de l' feliĉo.

„Tio estas la leĝo de l' universo", diras la filozofo, kaj la kongresano sindone klinas la kapon.

La *sabato* denove alportis plezuron: la muzikan kaj literaturan vesperon kun belega programo. La fervojista orkestro ludis bonege, la kantado de F-ino *v. Waldkirch* estis tre bela, kaj precipe ĉarmaj ŝajnis la flag- kaj torĉsvingadoj de la gimnastika societo.[1]) La programo suferis gravan ŝanĝon. S-ro Privat ne povis fari sian paroladon interesplene atenditan, ĉar „nova sento traflugis la mondon". Vere solena estis la momento, en kiu *Francujo* per Generalo ***Sébert***, *Anglujo* per Kolonelo ***Pollen*** kaj *Germanujo* per Patentadvokato ***Schiff*** interligis la manojn por reciproka interkompreno kaj interhelpo en ĉiuj aferoj.[2]) Tamen, ĉar solenajoj ne apartenas al nuraj plezuroj, mi volas forlasi la seriozan flankon de la afero, al kiu ĉiuj geĉeestintoj sufiĉe bone rememoras mem kaj la neĉeestintoj legos pri tio en la Esperantaj gazetoj de sia lando, kaj — mi nur deziras ankoraŭ ripeti la esprimon de l' danko al S-ro *Harrison Hill*, kiu tiel bonege imitis la diversnaciajn muzikmanierojn per la arto de la koncernlandaj komponistoj. Tiu ĉi amika prezentajo estis ne nur plenhumore variata, sed ankaŭ virtuoze ludata, kaj signifis vere artan ĝuon.

Je malfrua horo oni disiĝis. Mi kredas, ke dum kongresa semajno la dormo ĝenerale estas apuda afero. La tutan semajnon daŭris la ĝojoj, kaj *dimanĉon*, la 31 a Aŭgusto, finiĝis la oficialaj plezuroj per la ĉarma svisa festo sur la monto Gurten. La manovroj de la Ruĝa Kruco amuzis nur la rigardantojn. Al la „aktoroj", kiuj ludis rolojn de malsanuloj, certe la plezuro estis pridubebla. Post la gaja festeno — bona manĝo kun toastoj kaj ŝercoj — okazis la konata ĉiujara popola festo svisa. Ree oni povis admiri la belajn Bernaninojn en iliaj ĉarmaj kostumoj, aŭskulti la jodlojn, kantojn kaj vidi la popolajn dancadojn ĝis en la malfrua vespero, tiam vidante Bernon,

nia belsona lingvo? Ŝajnis, ke la aktoroj ne estis sufiĉe instruitaj pri Esperanto. Certe estas, ke la prezentado de *Patreco* faris tre malbonan impreson al ĉiuj auskultintoj; kaj tio estas bedaŭrinda pro la havita peno kaj pro la elspezita mono. *Red.*

[1]) Ĉe tiu ĉi okazo oni povis miri pri la trankvilo de nia internacia anaro en ekestanta danĝero. Per la neatento de unu torĉsvinganto ekbrulis la granda papera blazonŝildo staranta sur la podio. La flamoj rapide etendiĝis, sed la publiko restis tute trankvila kaj nur alkriis al la svingantoj, kiuj ne rimarkis la fajreton, ke ili estingu ĝin. Unu el ili tion rapide faris kaj la danĝero estis for. La sama okazis duan fojon, kaj ne montris sin eĉ nur simptomo de paniko. Ŝajnas, ke bona disciplino regas nian anaron. *Red.*

[2]) Ni ne forgesu diri, ke multaj kongresanoj enskribis sin por senpaga aliĝo al la *Societo por Mondamikiĝo*, pri kiu ni raportis en G. E. 8 B. *Red.*

la belan, gastamanurbon de la Naŭa, lumigitan per multaj lumoj.*) Kvazaŭ malgaja rememoro ekkaptis nin. Tiom da feliĉaj horoj, tagoj enŝlosas la bela urbo, precipe la Kazino, kiu salutas nin de malproksime. Sed ne —! Malgajaj sentoj ne apartenas al plezuroj! La rememoroj estu gajaj, kaj se feliĉa sorto favoras nin, ni revidos unu la alian en Paris! Certe! . . .

Kelkaj vortoj ankoraŭ estu aldonataj — se la redaktoro permesas. Li devas! Ĉu ne — —?

Se io helpas la sukceson kaj progreson de Esperanto, ne sole estas la laboro, sed ankaŭ la *plezuro*. Dum laboro interrilatas la spiritoj, dum la plezuroj — — la koroj. Kaj fama proverbo diras, ke la unua ne povas esti sen la dua. Spirito kaj koro! Sole la kunligo de tiu ĉi fakto atingas la altan gradon de l' idealismo, kiun ni *bezonas*, por progresigi nian karan lingvon Esperanto.

Spirito kaj koro estas kvazaŭ ideala, harmonia edzeco de la plej gravaj universaj elementoj, kies infano devas esti la efektivigo de la sankta ideo de l' tutmonda interkompreno. Vivu la laboro, sed vivu ankaŭ la plezuroj de la Naŭa ĝis la Deka en Paris! Tial „ĝis feliĉa revido, karaj geamikoj!"

*Gertrud Jacobi.*

*

## Ekskurso al Interlaken.

Laŭ la bonega programo de la 9a Kongreso, neŝanĝebla kiel nia Fundamento, okazis ekskurso en la mezo de la festsemajno, *jaŭdon, la 28an de Aŭgusto*. Oni imitis per tiu ĉi aranĝo la ekskurson al la Saksa Svisujo (Bastei ĉe Wehlen) dum la Kvara Kongreso. Tia interrompo de la laboraj kunsidoj estas vera refreŝigo, ni krom tio ĉiuj sopiris la belajojn de la fama montegaro.

Akurate je la oka matene ni kunvenis grandare en la ĉefstacidomo de Bern. Tamen ne ĉiuj kongresanoj venis, kelkaj el ili elektis alian ekskurson. Ĉi tiuj tre alten celadis, ili volis viziti la *Jungfrau!* Sed kelkaj centoj da verdsteluloj sekvis la programon, ili sin ordigis ĉirkaŭ 15 afablaj gvidantoj (anoj de la plezura komitato), por esti envagonigotaj. Ĉiu gvidanto havis en mano stangon kun anoncotabulo montranta la nomon de unu el la 15 hoteloj en Interlaken, en kiuj tag- kaj vespermanĝoj por ni estis menditaj. Ankaŭ fraŭlinoj prenis sur sin la malfacilan taskon, esti rotogvidantoj, vere dankinda klopodo. Post mallonga veturo ĝis *Scherzigen*, dum kiu oni enmanigis al ni la kolektivajn biletojn kun la stranga surskribo „Kongreso *di* Esperanto *in* Bern", ili kondukis nin el la vagonaro al niaj ŝipoj, por ke ni ĝuu la daŭrigon de nia ekskurso sur la senkompare bela *lago de Thun*, fama pro la brila, helverda koloro. Denove rememorigo al la veturado sur la Elbe dum la Kvara. Estis sufiĉe da loko sur la ferdeko por promeni, babili kaj por samtempe ĝui la nedireble belan vidajon. Ni ja nun efektive vidis la deziregatan altmontaron!

En *Interlaken* ni havis iom da libera tempo antaŭ la tagmanĝo. Tuj la rotanoj disiĝis, ĉiu aparte aŭ kun amikoj ion entreprenis. Mi povas rakonti nur pri mi mem. Unue mi aĉetis dolĉajn vinberojn, manĝonte ilin survoje, poste mi aĉetis memorajojn en la allogaj butikoj, fine mi sidiĝis sur benko de la promenejo, por admiri la *Jungfrau*. Jen ĝi estis en plena beleco, sen nuba vualo, blanka, brila, majesta kaj belega. Kio nur igas ilin tiel belegaj, la neĝkovritajn montegojn? Mi ne scias la kaŭzon, sed la impreso estas impona, senkompare feliĉiga. Ne malproksime de mia benko mi ekvidis grandan lornon, gigantan teleskopon de la firmo Zeiss. Per ĝi oni povis vidi ĉiujn detalajojn sur la vasta altajo de la Jungfrau. Volonte mi elspezis duonan frankon, por ĉion teleskope admiri, krom tio mi volis poste rakonti al la amikoj, ke mi vidis ilin tie sur la pinto, ĉe la brila glaciajo. Kompreneble nur ŝerco, mi eĉ ne vidis nigran punkteton.

Rapide la tempo pasis, la horo min vokis al mia hotelo: *Berner Hof*. Mi tie retrovis la kunvojaĝantojn, bona tagmanĝo kaj gaja konversacio nin korpe kaj anime regalis.

Por havi bonan sidlokon en la teatro, ni poste triope per fiakro tien veturis: la prezentado de *Wilhelm Tell* sur plenaera scenejo estis la ĉefallogajo de nia ekskurso. Baldaŭ ni sidis komforte en vasta areno. Antaŭ ni monteto kun arboj, vojoj kaj lignaj dometoj, malantaŭ ni bluverdaj montegoj, ĉirkaŭ ni alvenantaj samideanoj. En apuda loĝio, kompreneble ankaŭ simpla tabulajo, sidis la tuta familio Zamenhof: la Majstro kun sia edzino, la juna Doktoro Adamo, la studantino Sofio kaj la malgranda blondulino Lilly. Kia ĝojo, ke ili estis ĉe ni! Certe ili ĝuos la prezentadon de la fama, fremdulojn alloganta *Tell*-ludo.

Oni ludos germane. Por la esperantistoj oni aranĝis apartan prezentadon hodiaŭ, jaŭdon, krom la ĉiusemajna dimanĉa ludo. Tio estis unu el la plej efikaj klopodoj de la plezura komitato, tiom pli dankinda, ĉar la aktoroj estas profesionistoj, kiuj nur dimanĉe estas liberaj. La multaj kunludantaj infanoj certe kun plezuro akceptis forpermeson meze en la semajno.

Bonan Esperantan tekston mallongigitan ni havis en mano, per ĝi ankaŭ la negermanoj povos kompreni la agadon. Kompreneble la ĝuo estos precipe granda por la germanoj. Al ilia imago sin prezentas la senmorta verko de *Schiller* de post la unua paŝo en Svislando, ili senĉese sentas, kiel vere kaj fidele la poeto pentris landon, kiun li amis, sed neniam vidis. Dum mia meditado pri ĉi tiu fakto eksonas tintilado de bovinaj sonoriloj. Tio estis la komenco. Kaj jen ili venas, malsuprenirante la monteton maldekstran, veraj, belaj bovinoj kun grandegaj sonoriloj! La alpa korno eksonas, poste ni aŭdas la kanton de fiŝisto en vera boato sur vera lago. Ĉiu germana koro ridas pro ĝojo! Sekvas la ekscitanta sceno kun la persekutata *Baumgarten*, *Tell* kuraĝas lin boatveturi trans la lagon. Mi jam diris, eĉ lagon ili tie havas, tre lerte ĉio estis aranĝita. Sur la scenejo sin trovas la domo de *Stauffacher*, la vilaĝo *Altdorf*, la dometo de *Tell*, la *Rütli*, la kastelbieno de *Attinghausen*, *Zwinguri*, la intermonta vojo kun la ŝtona benko — nenio mankas. Tute nature oni ĉion ludas, sen kurteno, unu scenon post la alia. Tri horojn ni sidis tie en la belega valo, ĝuante la ludon. La aktoroj ludis kun koro kaj animo kaj ankaŭ bone elparolis la skribgermanan lingvon, ili kutime parolas la svisan dialekton. Sed jen, kia surprizo! En la

*) Menciinde ankoraŭ estas, ke en la festo partoprenis ankaŭ la fama svisa aviadisto *Bider*, kiu per sia monoplano alflugis sur Gurten, entuziasme salutata de la kongresanoj. *Red.*

unua sceno de la dua akto la maljuna *Attinghausen* diras la finvortojn en nia lingvo:

Feliĉulo
do estas tiu, kiu ne bezonas
Vivadi plue dum la nuna! —

La vortoj nin trafis kiel elektra frapo — tondra aplaŭdo.

Tio ankoraŭ unu fojon ripetiĝis, *Attinghausen* mortas kun la vortoj:

Estu unuanimaj, unuanimaj!

Post la fino de la ludo, kiam la aŭdintaro estis for, mi kuraĝis serĉi aliron al la scenejo. Maljuna viro diris al mi: „Ne estas permesate ĉi tien veni". „Mi nur volis danki la aktorojn", mi respondis. Tuj la viro afable ekkaptis mian brakon kaj kondukis min en la malantaŭan parton de la scenejo. Tie estis barakoj por la vestiĝado de la aktoroj, staloj por la ĉevaloj (*Gessler, Rudenz, Berta* kaj multaj aliaj estis rajdantaj).

Mi esprimis mian dankon al la reĝisoro (li estis ludanta *Rudenz*) kaj al *Attinghausen*. Ili tre ĝojis pri mia laŭdo kaj danko kaj rakontis, ke unu sinjoro el la plezura komitato (S-ro *M. Burghold*) venis el Bern; li instruis ilin iom pri Esperanto kaj instigis ilin al la Esperanta aldono. Ambaŭ diris, ke ili havas la deziron, lerni nian lingvon.

Promenado tra la „interlaga" urbeto, gaja vespermanĝo, koncerto en la luksa *Kursaal* (societa domo) kun posta brila fajroartaĵo finis la belan ripozan tagon. Je la dua ni estis en niaj litoj, en sonĝo revenis la sonoriloj, montoj kaj la verda stelo de la fajrajo.

Ankaŭ la *Jungfrau* trankvile, majeste kaj impone aperis antaŭ nia anima okulo, en sonĝo ni ĝin revidis!

*Marie Hankel.*

*

## Sur la monto Jungfrau.

Meze de Svislando, kvazaŭ en ĝia koro, troviĝas la plej bela, plej romantika, ja, la plej sovaĝaspekta parto de la Svisaj Alpoj: la montoj kun eterna neĝo kaj eterna glacio. Miloj kaj miloj da fremduloj enkaj eksterlandaj ĉiujare pilgrimas tien, ĉar ili aŭdis pri la eternaj belegaĵoj, kaj revenintе hejmen ili instigas per siaj rakontoj pri la viditaĵoj siajn konatulojn, por ke ankaŭ ĉi tiuj ekmigru en la landon benitan per tiaj naturbelegaĵoj kaj ĝuadu la mirinde belan, kvazaŭ virgan neĝon eternan sur la montegoj.

En ĉi tiu jaro okazis, ke la Universala Kongreso de Esperanto devis esti en Bern, la ĉefurbo de Svislando, kiu ankaŭ invitis la tutan kongresanaron al diversaj montekskursoj. La celo de kelkaj el ili estis la regino de la Bernaj Alpoj: la ŝultro de la montego *Jungfrau*, kiun oni nomas *Jungfraujoch;* ĝi estas alta 3457 m s. m. kaj nun atingebla per fervojo. Post kelkaj jaroj la fervojo, laŭ la ĝisnunaj intencoj, verŝajne veturos ĝis la supro de Jungfrau, kiu havas altecon de 4166 m s. m. Kiam antaŭ jaroj S-ro *Guyer-Zeller* el Zürich diskonigis sian ideon pri fervoja tunelo tra la najbaraj montegoj Eiger kaj Mönch, por tiamaniere atingi la supron de Jungfrau, eksonis grava ekkrio de kontraŭstaro el ĉiuj landoj kaj regionoj: Malrespekto al la eterna neĝo, sensanktigo de la tiea eterna silento, kvazaŭ malĉastigo de la — rilate al kulturo — ankoraŭ virga montego!

Kaj tamen la obstina kuraĝo malgraŭ ĉiuj protestoj atingis sian altan celon — la fervojo dentrade kaj nur per elektra forto rampas sur la ŝultron de Jungfrau; la lasta parto ĝis la supro estas nun nur projektita.

Multaj kongresanoj sin estis anoncintaj por ekskurso al Jungfrau. Entute oni aranĝis tri ekskursojn al Jungfrau, unu oficialan de la kongresa komitato kaj du privatajn. Mi partoprenis en unu el la lastaj, kiun aranĝis nia bone konata redaktoro Eko, kaj kiu okazis vendredon de la kongresa semajno. Sed, ĉar la montego Jungfrau estas sufiĉe malproksime de la kongresurbo, kaj ĉar la dentradaj montfervojoj ne veturas rapide, la afero ne estis efektivigebla facile. Jam je la kvina matene, kiam ankoraŭ reĝis la matena krepusko, la ekskursanoj devis kolektiĝi antaŭ la stacidomo de Bern, kaj dudek minutojn post la kvina oni forveturis. Por du rusaj fraŭlinoj ĉi tiu frumatena horo estis vere tro frua; ili tro longe dormis, kaj alvenante sur la stacidoma kajo ili ĝuste ankoraŭ vidis la voston de la elveturinta vagonaro. Sed ili havis kunulon en sia doloro. Iu sinjoro eldonisto, kiu atendis la fraŭlinojn antaŭ la stacidomo, ankaŭ malatingis la vagonaron, kaj ili pripensis kion fari. Feliĉe veturis post kelka tempo la saman vojon (al Interlaken) la luksa vagonaro, kiu la alian preterpasas haltante en Spiez. Volenevole ili sentis en si la devon sen emo (ĉar la mallonga veturo ĝis Spiez estas sufiĉe luksa ankaŭ laŭ financa vidpunkto) uzi la luksan vagonaron, kaj tiamaniere ili bone renkontis la ekskursanaron, kiu ilin salutis kun ĝojaj krioj. Oni facile povas kompreni la malfruiĝon, aŭ pli bone la dormemon de la fraŭlinoj, se oni pensas pri tio, ke la saman nokton nur post la unua oni revenis de la granda ekskurso al *Interlaken*. Tre saĝe agis tiuj, kiuj bone dormante pasigis la nokton en Interlaken, kaj tie, je la oka matene, atendis la karavanon. Al ĉi tiuj apartenis mi — sed oni ne pensu, ke mi volas tro laŭdi mian saĝecon . . .

Kelkajn minutojn post la oka ni forlasis Interlaken per la monta fervojo al *Lauterbrunnen*. Ambaŭ lagojn, tiun de Thun kaj tiun de Brienz, ni devis adiaŭi, por iom post iom enpenetri en la grandiozaĵojn de la naturo. Sufiĉe da tempo ni ja havis por rigardi la montarajn belaĵojn, ĉar la kruta relvojo ne permesas la uzon de rapidvagonara „senspireco"; nur tre malrapide la iom strange aspektanta vaporlokomotivo suprenŝovas la antaŭajn vagonojn. En Lauterbrunnen ni devis ŝanĝi la vagonaron kaj nun transiris en alian, ŝovotan per elektra lokomotivo, kaj de tiam la elektra forto ne forlasis nin ĝis nia celo.

Apud Lauterbrunnen troviĝas la fama akvofalo — rivereto subite falegas vertikale super krutan rokmuron altan 300 m. Por rigardi ĝin de proksime, oni devas pagi 1 frankon; el nia vagono ni vidis ĝin senpage. Rampadas la dentrada vagonareto, supren kaj supren, fidele laŭlongas turniĝojn kaj angulojn de rokoj aŭ montoj kaj pli kaj pli proksimiĝas al la belega blanka montego Jungfrau. Gajaj ni estis kaj ŝercemaj ankaŭ — ni ja estis internacia societo, kaj la Esperanta parolo flugis de unu vagonangulo al la alia. La ĉefa parto de la tuta tago ja ankoraŭ atendis nin, kaj krom tio ankaŭ Sankta Petro, la ĉiela veterestro, favoris nin dum la mirinda veturo.

En *Kleine Scheidegg*, alta 2064 m, la monttransiro inter *Lauterbrunnen-valo* kaj *Grindelwald-valo*, ni devis forlasi nian vagonaron, por salti en tiun sur Jungfrau. Kun fiero ni legis la nomon *„Jungfrau-Bahn"* sur ĉiu vagono, kaj kun kontenta rideto ni diris: fine! Ĉiu Jungfrau-vagonaro konsistas el nur du tre elegantaj kaj nur unuklasaj vagonoj krom la elektra lokomotivo. Larĝaj fenestroj el kristalo ebligas al ni rigardadi je ambaŭ flankoj la belegajojn de la ĉi-tiea pejzaĝo. Tra verdaj paŝtejoj ni unue suprenveturas helpe de la dentrado, ĝis tunelo nin ĉirkaŭas por kelkaj minutoj. Forlasinte la tunelon ni miregas: la herbejoj estas for, kaj nun ni subite vidas nur neĝon kaj glacion, kvazaŭ la tunelo estus sorĉejo. Baldaŭ ni atingas la unuan stacion *Eigergletscher* (2323 m), kie troviĝas ankaŭ la direkcio de l'Jungfrau-fervojo. La glaciaro de Eiger! Verdeta kaj blueta ĝi etendiĝas ĝis la stacidoma konstruajo kaj super ĉio nin salutas la belega, giganta triopo Jungfrau, Mönch kaj Eiger. En Eigergletscher la tuta serva personaro da 200 anoj travintras, kaj neĝo kaj vento Föhn kaŭzas al ili jam sufiĉe, ja tro da laboro kaj peno. Preskaŭ ĉiuj lernas la skiadon, por de ie alvoki necesan helpon, se la ventego detruis la telefonan komunikajon. Nun ni jam troviĝas apud Eiger. Kia tumulto da fremduloj! Jen kelkaj promenadas sur la glacio, por atingi la glacian groton de Eiger, jen kelkaj amuziĝas per neĝbula jetado — ni jam sentas la pli freŝan aeron de la glacioj. Pli alten ni rigardas al vastega, eterna neĝejo, al la ŝultro de Jungfrau — — nur tien vagadas niaj sopiroj.

Iom post Eigergletscher ni eniĝas en la longan tunelon, kiu daŭras ĝis Jungfraujoch kaj post kelkaj jaroj atingos la supron de la montego. Vere, estas seniluziigo: en la interno de l'montoj ni devas resti ĝis la fino, ĝis la celo! La tunelo estas krevigita en la plej malmolan, preskaŭ marmorsimilan kalkon; ĝia larĝeco estas iom malpli ol 4 metroj, la alteco proksimume 4½ metroj; la elektraj fadenoj estas ŝirmitaj per ferfadenaro, por ke estu neniu danĝero por la vojaĝantoj. Sed la fenestroj estas fermitaj, la aero en la tunelo fariĝas malvarmega, la vagonoj do estas elektre hejtataj. Ni ankoraŭ estas en montego Eiger — baldaŭ videbliĝas en la tunelo la vorto „Eigerwand", formita el grandaj literoj diverskolore lumigitaj per elektraj lampoj; ni troviĝas apud la roka, enmonta stacio *Eigerwand* (2868 m), kies kajo, staciaj oficejoj, restoracio ktp. estas krevigitaj en la rokajon; tri grandaj rokaj „fenestroj" (larĝaj po 6 m kaj sen vitro!) igas nin vidi vastan panoramon pri la tuta Svislanda montaro ĝis Jura. Ni povas elvagoniĝi kaj rapidegi al la fenestroj — estas malvarmeĝe —, sed tempo ne estas, por ĉion profunde ĝuadi. Nia sensuna vojo daŭras. Post 11 minutoj ni estas en stacio *Eismeer* (3161 m) en monto Eiger. Ni ree ekkaptas taglumon per ses larĝaj (6 m) fenestroj, kiuj ĝuigas al ni plej belan panoramon pri la neĝmontoj kaj la tuta alpa montaro. Kia mirinda aspekto! La okulo, kvankam blindigita, ĝuadas la tiom proksimajn glaciarojn. Precize apud la fenestroj etendiĝas la kvazaŭ ondanta maro glaciiĝinta kun multaj fendoj verdaj kaj bluetaj. Ni apenaŭ povas forlasi la belan, belan vidajon, sed la fervoja oficisto nin revokas en la vagonojn. Tamen estas konsolo: ni ja revenos, por tagmanĝi en Eismeer.

Tra longa kaj rekta tunelo (en gnejso pli malmola eĉ ol la antaŭa kalko) la vagonaro veturas parte laŭ ebenaja sistemo, parte per dentrado. Sopire ni atendas la plej interesan stacion de la tuta Jungfrau-linio. Kia mirinda sento: meze tra la ventro de l'giganto Mönch ni veturas, ĝis subite la vagonaro ekhaltas, kaj ni aŭdas la nomon „*Stacio Jungfraujoch!* Elvagoniĝu ĉiuj!"

Ni estas je la celo. Vasta, enmonta, roka kajo, same la restoracio, kiu estas nur provizora. Post kelka tempo oni havos tie ekstermontajn restoracion kaj staciejon. Malvarme estas en la tunelo, ni rapide trairas la restoracieton, kiu ankaŭ enhavas bazaron, por fine stari sur la eterna neĝo, ĝis nun vidita nur de malproksime. Kaj ekstere, kia varmo, ja varmego! Estas mirinde! Jakoj kaj manteloj estas forŝovataj de la ŝultroj, la suno ja vere bruleĝas. Gvidistoj akceptas nin, sed ni ne ilin. Tempo bedaŭrinde ja ne estas, por fari grimpekskurson. Mi certe estus farinta tian grimpadon sur la supron de Mönch, sed bedaŭrinde mi nur povis fotografi ĝin. Glitiga estas la unua parto de l'vojo, poste la neĝo fariĝas sendifekta, virga, tute blanka; niaj piedoj enprofundiĝas en ĝin je tridek centimetroj. Malrapida marŝado. Vastaj estas la neĝaj kampoj, la karavano povas disiĝi laŭplaĉe. Kaj jen ni staras tie kaj tie ĉi, enspiras la puran aeron kaj mirante rigardadas la grandiozajon ĉirkaŭ ni — ĉio, ĉio estas blanka, la okuloj estis blindigitaj kaj doloris. Senvorte, mute ni igas vagadi niajn rigardojn ĉirkaŭen, kaj ili ne povas satiĝi. Nur por iom kompreni la belecon de ĉio ĉi tio, por inde ĝin sentadi, ni jam bezonus multan tempon, kaj apenaŭ unu horon ni havis sur Jungfraujoch. Speciale grandioza estas la aspekto de Jungfrau-supro (J.-Firn) kaj de la plej granda glaciaro eŭropa, *Aletschgletscher*, longa 25 km. La neĝaj etendajoj estas ankoraŭ sendanĝeraj kaj taŭgas por longaj promenadoj; flagoj sur stangoj montras la finon de la sendanĝeraj partoj. Plezuroj malgraŭ la mallonga tempo ankaŭ estis: ni malsuprenglitis la neĝajn deklivojn, kaj ĉar ni ne havis glitveturiletojn, ni uzis nian naturan rodlilon! Kaj kiel fulmo ni atingis la „valon". Eĉ nia ŝatata verkinto de l'vortaro germana klopodis rodladi tiamaniere, sed li nur povis antaŭenŝovi grandan bulon da neĝo pli kaj pli amasiĝantan; kaj mi enpense jam vidis lin en la interno de lavango! Sed la sorto estis al li favora, dank' al la simpla, homa irmaniero.

Jen Eko kriadas, por kolekti sian sekvantaron; ni devas envagoniĝi — kia bedaŭro. Per lasta rigardo karesante la preskaŭ superteran ĉirkaŭajon, ni adiaŭas la vastegan rondpanoramon, por ree perdiĝi en noktan mallumon kun elektraj lampoj. Malsupren, jam malsupren! En la granda restoracio *Eismeer* ni komune tagmanĝis por niaj 4 frankoj ĉe rezervitaj por ni tabloj. Dum la rapida manĝo iu partoprenanto per tosto laŭdis nian karavanestron, kiu estis preninta sur sin la malfacilan taskon, prizorgi la „komercan" parton de la tuta afero, li, la Berlinano! Nu, li ankaŭ sufiĉe devis kuradi tien kaj tien ĉi, por ektrovi la posedontojn de ĉiuj kolektivaj biletoj. Dankon ni ŝuldas al nia senlaca kondukinto pro lia agema estreco, lerte kaj sen malpaca vorto li faris sian malfacilan devon, interrilati kun la diversaj fervojestroj, prizorgi rezervitajn vagonojn, la tagmanĝon ktp.

Jam antaŭ la deserto ni devis ree forkuri de niaj riĉaj tabloj apud la rokaj fenestroj, de kie ni ĝuis la belan glaciaran panoramon! Multaj a'iaj turistoj kaj fremduloj ĉeestis, kompreneble, ĉar bela estis la vetero. Ili aŭskultis la du tostojn en nia Esperanta lingvo; esperebie ĉi tiuj kaj nia tuta Esperanta interbabilado faris al ili bonan impreson! Mi ankaŭ volas mencii, ke la tuta kuirado kaj la ĉiea hejtado okazas per elektro; do nenia fumo, nenia gasa parfumo tie supre difektas la purecon de la naturo.

De *Kleine Scheidegg* ni nin turnis al *Grindelwald*, preter vastaj alprozejoj, sed la alprozoj ne plu floris. Preter *Burglauenen*, unu el ambaŭ elektrejoj por la Jungfrau-fervojo (la dua estas en Lauterbrunnen), ni veturis al Interlaken, jam iom lacaj, kaj fine preter Thun, kaj je la 8¼ vesp. ni ree estis en Bern, kie daŭris la fulmotondra pluvo komenciĝinta post la forveturo el Thun. Je la deka ni jam dancadis en la kongresa balo.

Tamen, ion mi konkludis: unu tago ne sufiĉas por tia ekskursego Bern—Jungfrau—Bern. Oni ne ĉion povas kapti per siaj rigardoj kaj per sia kompreno, ĉar la tiea mondo estas tro alia, tro majesta, por esti ĝuata en kelkaj minutoj. Unu horo sur Jungfraujoch kaj unu horo por tagmanĝi en Eismeer estas tro malmulte. Sed dum kongreso oni ja nur fluge povas ĝui belajon kaj nebelajon. Mi rekomendas do, ke oni tranoktu en *Wengernalp* aŭ en *Kleine Scheidegg* aŭ supre en *Eismeer*.

Tamen la ekskurso estis bela kaj sukcesa, kvankam ni sidis en vagonaro de la 5½ matene ĝis la 8a vespere (krom duoble 1 horo), kaj la belegajoj de la naturo fariĝis neforgeseblaj. Mi esperas, ke ankaŭ aliaj partoprenintoj havas ĉi tiun senton, same nia kara Eko!

*Charlotte Pulvers.*

## La plezuroj de la 8a Germana Kongreso en Stuttgart.

Tro malgranda estis la *Mozart-Salonego* en *Liederhalle* por la granda nombro da kongresanoj, kiuj ĉeestis la salutvesperon, *lundon*, la 18an de Aŭgusto. Je la 9a Profesoro *Christaller* malfermis la vesperon kaj salutis la gastojn. Li diris, ke estas ĉiam agrable, revidi konatajn vizaĝojn, sed tre malfacile estas, rememori tuj la nomojn de la personoj. Sed li sciis tre taŭgan rimedon, por forigi la nekonatecon almenaŭ koncerne la personojn, kiuj estas eminentuloj en nia movado, nome, ke ĉiu laŭvice ekstaru kaj diru sian nomon kaj hejman urbon. Tiamaniere oni aŭdis la nomojn de multaj samideanoj el multaj urboj — por baldaŭ ree forgesi ilin. Al mi ŝajnas la propono, kiun faris filo de Profesoro Christaller, tre konsiderinda: fiksi malgrandan slipon sub la kongresinsigno kaj skribi sur ĝin la nomon kaj urbon de la portanto. Ĉe ĉiu koninda persono Profesoro Christaller per kelkaj vortoj komentis ties pozicion rilate al G. E. A. La ofta aplaŭdo — laŭ Esperanta maniero — pruvis, ke la meritoj de la diversaj samideanoj estas bone konataj.

Post la kantado de nia himno S-ro *Münzing*, la reprezentanto de la *laborista grupo*, salutis nin. Li diris, ke la celo de ĉiuj esperantistoj estas la sama, nome, konduki al venko la grandan ideon de nia Majstro Dro Zamenhof. Poste F-ino *Brackenhammer* kantis al ni belajn kantojn en Esperanto, per la fortepiano akompanata de S-ro *Fritz Schulz*. Sekvis gajiga interbabilado kaj komuna kantado de poemoj germanaj kaj de Esperanta versajo, kiun dediĉis al la kongreso F-ino *Wolfson* el Breslau. Je la 11a ni disiris kontentaj pri la unua intervidiĝo kun la Stuttgartanoj kaj pri la revido de la jam el aliaj kongresoj konataj gesamideanoj.

*Mardon* la kongresanoj kunvenis por amuza vespero. La reĝa ĉambro-muzikisto *Ed. Ehrhardt* malfermis la vicon de la prezentajoj per majstra violonludado. Sekvis S-ro *Gonnermann* el Rudolstadt, kiu deklamis kelkajn belajn versajojn Esperantajn kaj germanajn kaj ankaŭ humorplenan en saksa idiomo, kiu tre amuzis la ĉeestantaron. F-ino *Brackenhammer* ankaŭ tiun ĉi vesperon ravis nin per belaj kantoj; precipe la laste kantita „Esperantujo" de F. de Ménil faris grandan impreson al la aŭdantoj.

Kvar junaj geaktoroj tre lerte prezentis al ni teatrajon, unuaktan gajajon, nomitan „Solecaj animoj". La nomoj de la geaktoroj estis: F-ino *Frank* el Cannstatt kaj *Eckerle* el Stuttgart kaj S-roj *Jann* el Esslingen kaj *Weilbacher* el Stuttgart.

Fortan aplaŭdon kaŭzis la humorplena recitado de S-ro *Fritz Schulz*: „La vivado de fortepiano". Fine advokato *Goldbach* el Memmingen kantis ankoraŭ germanajn kantojn, akompanante sin mem per liuto.

Post la vespero preskaŭ ĉiuj kunvenintoj iris ankoraŭ en iun el la belaj grandaj kafejoj de la urbo. La malgranda aro, en kiu mi troviĝis, fine ankoraŭ ekdeziris gustumi la ŝvaban vinon. Afabla Stuttgarta samideano plenumis nian deziron kaj kondukis nin en beletan vintrinkejon, kie ni sidis en gaja rondo ĝis preskaŭ la ĉielo heliĝis.

Post tiu ĉi vina nokto mi bedaŭrinde la sekvantan matenon jam devis forlasi la belan urbon, ĉar miaj profesiaj devoj ne permesis al mi pli longan restadon. Mi tion bedaŭris tiom pli, ke la kongreso tiel bele komenciĝis. Sed — unue la devo, poste la amuzo. Tial mi devas fini aŭkaŭ mian raporton kaj lasi al alia ĉeestinto (aŭ -ino) la daŭrigon.

*Komo.*

*

*Ĵaŭdon* je la 6a posttagmeze komenciĝis la *festagmanĝo* en la *Koncerta Ĉambrego* de *Liederhalle*, al kiu partoprenis tre granda aro da gesamideanoj. Estis tre gaja festrondo, speciale pro tio, ke ni havis inter ni multajn eksterlandanojn. Multaj paroladoj kaj tostoj, seriozaj kaj humorplenaj, interrompis kaj beligis la manĝadon. La prezidanto de G. E. A., S-ro *Reinking*, salutis la rondon per koraj vortoj kaj tostis je la urbestraro. Poste parolis kaj tostis S-roj *von Frenckell* kaj *Wichers* (tre humore je Prof. Christaller kaj la kongresa komitato), Dro *Ledermann* (je Dro Zamenhof) S-ro *Behrendt* (unue je la eksterlandaj gastoj kaj duan fojon li dediĉis versajon al Prof. Christaller), S-ro *Senff* (je la prezidanto de G. E. A.), Dro *Orthal* (je la sinjorinoj) kaj S-ro *Warden* (por la eksterlandanoj je Germanujo).

Post la manĝado ni vidis kaj aŭdis multajn prezentajojn: gajaj recitadoj, kantoj kun mandolina muziko, humoraj kantoj sekvis unu al la alia. La plej bela kaj plej amuza prezentajo estis la sorĉaj artoj

de S-ro *Widmann,* kiu kondukis nin por mallonga tempo en la sorĉan regnon kaj montris al ni multajn artefikajojn, kiujn li plenumis laŭ la devizo: rapideco ne estas sorĉado.

Post la prezentajoj — la sorĉado estis la lasta — Terpsiĥore svingis sian sceptron tre fervore. La dancado komenciĝis per polonezo, dum kiu la sinjoroj portis Esperantajn lampionojn kaj la sinjorinoj Esperantajn flagetojn, kelkaj inetoj estis vestitaj en naciaj kostumoj. Afabla, gaja bildo! Multaj diversaj dancoj sekvis, kaj la danca fervoro kaj la humoro estis tiel belaj, ke la ĉeestantoj restis ĉe tiu ĉi okupado ĝis frua matenhoro.

La *vendredo* estis antaŭdestinita — laŭ la programo — por entrepreni diversajn ekskursojn: al Urach, Gmünd, Zavelstein, Esslingen kaj Ludwigsburg. Mi partoprenis en la lasta, al *Ludwigsburg.* Posttagmeze je la 2a ni forveturis el Stuttgart, la vetero estis bela, kaj la humoro de la gesamideanoj ankaŭ, tiel ke ili kantis en la vagonaro nian himnon kaj aliajn kantojn dum la mallonga veturo. Alveninte en L. ni trairis la mezgrandan urbon, kiu estas konstruita laŭ la stilo de la 17a jarcento. La urboparto ĉirkaŭ la kastelo faris al ni la impreson, kvazaŭ ni vivus eble antaŭ ducent jaroj. Ĉiuj konstruajoj havas tre solenan kaj seriozan fasadon: tio ne estas miriga, ĉar ja troviĝas en ili la ĉefoficejoj de la urbo: la juĝejo, la arkivo ktp. La Ludwigsburga ***kastelo*** estas pompa konstruajo kaj enhavas pli ol 400 belegajn ĉambrojn kaj salonojn. Tre valoraj pentrajoj kaj skulptajoj ornamas ĉiujn ejojn de la luksega domego. La kastelon ĉirkaŭas bela, granda parko, en kiu estas lokitaj ankaŭ la du kasteletoj „Favorite“ kaj „Monrepos“ apud rava lageto*).

Je la 8a vespere ĉiuj gesamideanoj jam revenis de siaj ekskursoj kaj iris al *Liederhalle,* por aŭskulti la propagandajn paroladojn de S-roj *Dro Arnhold,* Prof. *Föhr* kaj *v. Frenckell.* Kiam ni alvenis, la granda ĉambrego jam estis preskaŭ tute plena de neesperantistoj, kiuj estis sciavidaj, ekscii detalojn pri la internacia helplingvo Esperanto, pri kiu ili dum la pasintaj tagoj jam ofte legis kaj aŭdis. Nu, tiu ĉi scivolemo estis plenege kontentigata. Aŭdante la esperantlingvajn salutojn de kelkaj gastoj el diversaj nacioj la neesperantistoj povis konvinkiĝi per propraj oreloj, ke nia lingvo ĉie kaj por ĉiuj esperantistoj estas bone komprenebla, tute egale al kiu nacio la parolanto apartenas.

Post la propaganda vespero batis la disiga horo por la partoprenantoj de la 8a Germana Esperanto-Kongreso. Multajn agrablajn horojn oni kune travivis, kaj certe ĉiu konservos afablan memoron pri la Stuttgartaj tagoj. Nun oni devis diri „adiaŭ“, sed oni ne forgesis aldiri: „Ĝis revido en Leipzig!“

Ni esperu, ke ni travivos feliĉe kaj gaje kaj fervore laborante ne nur la kongreson en 1914, sed ankoraŭ multajn aliajn en la plej diversaj partoj de nia germana patrujo! *Onklino Spikso.*

*) Ĉi tie la redakcio devas iom helpi la memoron de la raportintino. Ŝi forgesis rakonti pri du tre agrablaj horoj, kiujn kelkaj el la ekskursintoj pasigis post la irado tra la parko en Ludwigsburga vintrinkejo. Ili festis tie la sukcese trapasintan Esperantan ekzamenon de Danziga samideanino per bonega ĉampantrinkajo kun fragoj. Kaj ĉe tiu ĉi okazo fondiĝis amika familia rondo internacia kun ĉiuj gradoj de parenceco, de geavoj ĝis genepoj. De tiam la „familio“, escepte kelkajn anojn, kiuj hejmeniris la sekvantan tagon, fidele kaj harmonie kunestis ĝis la fino de la Berna kongreso. Jen esperantista amikeco!

**La ekskurso al Esslingen.** Se nur la pluvo fine ĉesus, mi ofte diris dum la kongreso! *Vendredo* — vidu, la suno ekbrilas, preskaŭ brilegas. Granda estis la ĝojo, gaje ni forveturis. Suprengrimpante la *Württemberg* ni eĉ ŝvitis, sed ni ĝojis. Kia bela aspekto, kiaj belaj koloroj sur la vitejoj, sur la grenokampoj, sur la arbaro. Ni atingis la kastelon de Esslingen kaj baldaŭ sidis en ĝia dikega turo, manĝante *Laugenbretzeln* kaj trinkante *Most* (cidron). Kelkaj samideanoj el Esslingen nin ĝoje salutis, kaj gaja rondo de 27 kongresanoj manĝis, ŝercis kaj kantis. S-ro *Hengstenberg* faris al ni ĝentilan donacon: ĉiu ricevis bulbon, beletan naturan bulbon, kiu ĉarme ornamis niajn vestajojn. Ĝi estas la ekkonilo de Esslingen. Bela estis la tago kaj nur malfrue ni venis hejmen. *H. C.*

## La sovaĝulo*).

*De Johann Gottfried Seume.*

Iam Kanadano, ne konanta
Ŝajnan ĝentilecon de Eŭropo
Kaj havanta en la brusto koron,
Kiel Dio donis, senkulturan,
Portis al vendejo la ĉasajon,
Kiun malproksime lia sago
Trafis en arbaroj neĝkovritaj.
Kiam li sen ruzaj artparoloj
Estis fordoninta siajn birdojn
Por malgranda sumo, laŭ propono,
Li rapidis kun la eta pago
Gaje hejmen al la gento sia,
Al la brakoj de l' edzino bruna.

Sed ankoraŭ mejlojn for de hejme
Lin surprizis dum senŝirma vojo
Plej terura tondrouragano.
El la longaj, korve nigraj haroj
Gutis pluvo al la zono suben,
Kaj la kruda drapo de la vesto
Algluiĝis la tendenan korpon.
Frostotreme pro malvarma pluvo
Kuris nia honestul' al domo,
Kiun li ekvidis malproksime.
„Lasu min, ĝis la ventego ĉesos,“
Petis li kun kora kapkliniĝo
La kulturfieran posedanton,
„Trovi ŝirmon en la domo via!“
„For, vi malbelega, aĉa monstro!“
Kriis la plantisto furioze,
„For de mia domo, vi ŝtelisto!“
Kaj li prenis vipon el angulo.

Ĉagrenite paŝis la Hurono
For de tiu negastama sojlo,

*) Ĉar kelkaj el niaj legantoj jam pli ol unufoje plendis pri nia „malpoeziemo“, kaj ĉar ankaŭ nia kara poezia reĝino, kiel prezidantino de E. L. A., en *Oficiala Gazeto* nomis nian gazeton „rozo sen odoro“, ni decidis, prove, sed *nur prove* forlasi nian ĝisnunan kutimon rilate al aperigo de versajoj. Se ni vidos, ke ne revenos la kaŭzoj, kiuj ĝis nun siatempe instigis al nia malakceptemo kontraŭ poemoj, ni daŭrigos la publikigon de versajoj, sed nur de *sufiĉe bonaj.* Tamen ni jam nun petas, ke oni ne superŝutu nin per poemoj, ĉar ni por kelka tempo ankoraŭ havas sufiĉe da bonaj. *Red.*

Ĝis tra vent' kaj pluvo la vespero
Lin malfrue gvidis al la paca
Hejmkaverno kaj edzino bruna.
Laca kaj malseka ĉe la fajro
Li eksidis ĉe l' etuloj nudaj
Kaj rakontis pri belegaj urboj,
Pri soldatoj, kiuj portas tondron,
Pri l' pluvego, kiu lin surprizis,
Pri la krueleco de l' blankulo.
Flate ili tuŝis liajn manojn,
Ĉirkaŭprenis flate lian kolon,
Frotsekiĝis liajn longajn harojn
Kaj traserĉis lian ĉasvalizon
Ĝis ekvido de l' vojaĝdonacoj.

Iom poste la plantisto perdis
Vojon, dum li ĉasis en arbaro.
Superŝtip' kaj ŝton', tra val' kaj marĉo,
Li suriris pene krutajn montojn,
Por rigardi al la vojo, kiu
Lin kondukis en la sovaĝejon.
Sed li vane vokis kaj rigardis.
Li nenion aŭdis krom la eĥo
De la altaj, nigraj ŝtonmuregoj.
Preskaŭ ĝis noktmezo li vagadis,
Kiam li ekvidis lumbrileton
Ĉe l' piedo de proksima monto.
Tima ĝojo kaptis lian koron,
Kaj li ekkuraĝis alrapidi.
„Kiu venis?“ terurite sonis
Voĉo el profundo de l' kaverno,
Kaj eksteren paŝis bruna viro.
„Ho, amiko! perdis mi la vojon,“
Diris timflatante la blankulo,
„Lasu resti min ĉe vi dumnokte,
Kaj min gvidu morgaŭ, mi vin dankos,
Sur la ĝustan vojon al la urbo!“

„Nu, envenu!“ diris la Hurono,
„Revarmiĝu, fajr' ankoraŭ brulas.“
Kaj li gvidis lin al junka seĝo,
Paŝis serioze en angulon,
Prenis reston de l' vespera manĝo:
Ursoŝinkon, salmon kaj omaron,
Por regali la malfruan gaston.
Kun malsato de ĉasinto manĝis,
Kvazaŭ ĉe festeno monaĥeja,
Apud sia mastro la plantisto.
La Hurono nun rigardis fikse
Kaj esplore tiun blankan gaston,
Kiu forte tranĉis en la ŝinkon
Kaj ĝojeĝe trinkis mielajon,
Kiun li en granda konkoŝelo
Plej afable donis krom la manĝo.
Poste ursofelo sur muskajo
Estis mola lito de l' ĉasinto,
Kaj li dormis ĝis la hela tago. —

Kiel plej sovaĝa militisto
De l' sovaĝa terozono staris
Kun saĝujo kaj pafark' terure
La Hurono nun ĉe la dormanto
Kaj lin vekis, kaj la Eŭropano
Kaptis time sian ĉaspafilon.
Sed la sovaĝul' al li prezentis
Vazon da matentrinkaĵo dolĉa.
Post la refreŝigo li kondukis
Sian gaston per vojetoj kurbaj,
Superŝtip' kaj ŝton', tra val' kaj marĉo,
Tra densaĵo al la ĝusta vojo.
Ĝentileĝe dankis la plantisto;
Serioze la sovaĝa haltis.
Fikse li rigardis la blankulon
Kaj per laŭta, peza voĉo diris:
„Ĉu ni eble nin jam vidis foje?“
Kvazaŭ fulmtrafite la ĉasinto
Nun rekonis tuj en sia mastro
Tiun homon, kiun li antaŭe
Pelis en ventegon el la domo.
Li balbutis honte senkulpiĝojn,
Sed ridete diris la Hurono:
„Vidu, fremda, ruza, blanka viro,
Ni sovaĝaj estas plibonuloj!“
Kaj li flankeniris arbetaren.

*Laŭ germana teksto tradukis Valc.*

## Parolado de Dro Zamenhof ĉe la tombo de Carlo Bourlet.

En la germana banloko, kie mi estis, atingis min tute subite la doloriga sciiĝo pri la morto de tiu, pri kiu ni nun ĉiuj funebras. Ĝi trafis min tute neatendite kiel frapo de tondro. Mi rapidis veni ĉi tien, por doni al la kara foririnto mian lastan, tre malĝojan saluton. Mi tute ne havis la tempon por min prepari, por ke mi povu prezenti al vi ĝustan bildon pri la tuta historio de agado kaj pri ĉiuj meritoj de tiu, kiun ni perdis; tial pardonu, ke mi parolas nur mallonge, ke mi ne prezentos al vi historion, sed nur esprimos iom miajn sentojn. La historion sendube skribos pli aŭ malpli frue aliaj personoj, kaj ili certe povos rakonti tre multe.

La foririnto estis scienculo, li estis socia aganto kaj tiel plu, sed de ĉi tiuj flankoj mi persone ne konis lin multe, mi konis lin nur kiel esperantiston; tamen tuj de la unua momento, kiam mi ekkonis lin kiel esperantiston, li ĉiam staris antaŭ miaj okuloj kiel homo tiel grava kaj tiel meritplena, ke ĉiufoje, kiam mi pensis pri la sorto de Esperanto, pri ĝia progresado, pri ĝia batalado, pri ĝiaj esperoj por la estonteco, ĉiam sur la unua plano staris antaŭ mi la bildo de Bourlet.

Oni multe laboris por Esperanto ankaŭ antaŭ Bourlet, sed de la momento, kiam li aliĝis al nia anaro, en nian aferon enverŝiĝis ia nova energio. Tuj post sia apero li komencis propagandon viglan, kiu ĝis tiam ne estis multe konata en Esperantujo. Li altiris al nia afero gravan firmon, kiu al la tiam ankoraŭ malforta Esperanto donis potencan apogon kaj fortan puŝon antaŭen. Li komencis serion de publikaj paroladoj, sed tiuj paroladoj ne estis sole teoriaj, ĉiu parolado sekvigis fondadon de grupo esperantista. En Parizo li fondis grupon, kiu per



**Carlo Bourlet †**
(Vidu la nekrologon pri li en G. E. 9/10 A kaj la ĉi-apudan funebran paroladon de Dro Zamenhof.)



**Abato Richardson †**
(Vidu la nekrologon pri li en G. E. 9/10 A.)

sia bonega organizo kaj vigla laborado baldaŭ fariĝis imitinda modelo por ĉiuj aliaj grupoj esperantistaj en la mondo. Al lia senlaca iniciato, instigado kaj helpado ni ŝuldas la fondiĝon de gravaj institucioj, kiel ekzemple la Internacia Scienca Asocio kaj aliaj. Li laboris ne sole en sia lando kaj en sia urbo; por multaj lokoj, kie oni bezonis helpon, aŭ kie aperis ia danĝero por nia afero, Bourlet, la energia helpanto de nia kara Generalo Sébert, ĉiam estis preta kun sia laboro kaj helpo. Sed unu el la plej gravaj roloj de Bourlet estis ĉe niaj kongresoj. Ĉiuj aranĝintoj de kongresoj de Esperanto scias tre bone, kiom multe Bourlet laboris por ĉiu kongreso, antaŭ ĝi, dum ĝi kaj post ĝi. En la jaro 1914 Bourlet estis aperonta antaŭ ni kiel rekta kaj senpera organizanto de la kongreso en sia propra urbo, de la kongreso en Parizo; jam antaŭ pli ol unu jaro li komencis plej energian preparadon de tiu kongreso, la kongreso promesis esti grandioza, la tuta mondo esperantista, konante tre bone la organizajn kapablojn de Bourlet kaj lian eksterordinaran energion, atendis tre multe de tiu kongreso kaj prepariĝadis veni en tre granda nombro. Sed ho ve, la senkompata morto diris sian kruelan vorton.

Mi ne volas plu paroli. Ne ĉiuj esperantistoj scias, kiom multe nia afero ŝuldas al nia kara foririnto. Venos la tempo, kiam ĉiuj esperantistoj ekkomprenos, kiel gravega estis la laborado de Bourlet, kaj tiam, ho ve, tro malfrue — ili rekompencos al lia ombro tiun sendankecon, kiun li de kelkaj flankoj suferis, dum li vivis.

Al la nekonsolebla edzino kaj al ŝiaj gefiloj mi povas certigi, ke en la mondo de la esperantistoj la memoro pri la kara foririnto neniam mortos.

Vi, ombro de nia kara amiko kaj kunbatalanto, akceptu mian funebran saluton kaj per mi la saluton de tiu afero, por kiu vi tiel multe kaj sindone laboris.

*(Laŭ „British Esperantist".)*

# La ekspozicioj en Breslau.

**Kvara artikolo.**

Lastan rondiradon ni faru tra la lokoj de tiom da belajoj, lastan, iom melankolian adiaŭon. La aŭtuna agordiĝo ja al ni proksimiĝas perforte la penson pri la nedaŭremo de surteraj ĝuoj. La eleganta renkontejo de ĉiuj klasoj de nia urbanaro, la celejo de multegaj alihejmaj gastoj — eĉ princaj kaj esperantistaj — baldaŭ dezertiĝos. For estos ĝia vivo, kiu spiris per la akceptvola perceptemo de kelkfoje 60—80 mil vizitantoj dumtage. Sed ni ne plendu, prefere ni bonuzu la neabundajn sunradiojn, postlasan donacon de la foririnta, tre avara sezono varma.

Preskaŭ senvole, direktite de tia negajeta humoro, ni troviĝas en la *ekspozicio por tombeja arto.* Ankaŭ ĉi tie kuntuŝiĝas la nuntempo kun la estinteco. Historiaj tomboŝtonoj interese diferencas en sia granda simpleco de modernaj monumentoj. Nuda kaj frostiga pormortinta ripozejo ne plu bezonas instigi per si mem al senespera doloro, aŭ tro pompa ornamiteco ne plu bezonas maldelikate ofendi ĉi tiun doloron; milda kaj konsolebla fariĝos la funebro antaŭ tombo de kara perdito, kie floroj kaj monumento formas unu arte gustoplenan tutajon. Rimarkinde simplajn kvietigajn konturojn montras ankaŭ la konstruajo, en kiu troviĝas bildoj, planoj kaj skulptitaj kopioj de grandaj tombejoj — pli vere parkoj kun tomboj; en bela halo aranĝita ekspozicio montresignas la estontecon, etike kaj estetike progresontan. — La unuiĝo por protektado al hejmlandajoj vidigas vilaĝajn tombarejon kaj malgrandan preĝejon el kruda ligno; ĝi estas savita antaŭ la pereo pro interkomunikiĝaj kaŭzoj kaj transportita ĉi tien el Kandrzin en Altsilezio.

Post la rigardado de la *rozara kaj daliara ĝardenoj* ni aŭskultu unu el la trifoje ĉiutage okazantaj reprezentajoj en la *naturteatro,* kie jus vekiĝas al nova vivo la nemortontaj burleskajoj de *Hans Sachs.*

La meditado pri la modestaj postuloj de niaj prapatroj rilate amuzon kaj vivkondiĉon donas dezirindan okazon, jeti ankoraŭ rigardon en la konstruajon de l' historia ekspozicio, por admiri la simplegecon de la *mortĉambro de Blücher*. Ankaŭ la en alia ĉambro troviĝantajn vestaĵojn el 1813 oni rajte povas nomi simplaj, speciale la virinajn robojn, ankoraŭ nun titolatajn „laŭ reĝino Luise". Tamen *la salonoj de princo Wrede* ja estis luksaj, same kiel la tiam portitaj ornamaĵoj, certe! Sed la neriĉulo ne ŝatis posedi senvalorajn imitaĵojn, li modeste kaj fiere malvolis konkuri. Kia delikata arto prezentiĝas en la ĉarmaj miniaturaj bildoj, kiuj post ree cent jaroj ankoraŭ estos same kolorbrilaj! Interesa estas la tiama aferaro de l' poŝto; laŭ dokumentoj elmontritaj ĝi estis privata kaj kompreneble uzis ĉevalojn por la vojaĝantaro kaj sendotaĵoj senvivaj. La eminentaj personoj uzis por nelongaj vojoj surpentritajn portilvagonetojn, kia unu estas la objekto de kapskuiga miro por la nuntempano kutimiĝinta al aŭtomobilo. — —

Multe pli granda ol la Ne-Breslauano supozas estas la nombro de la nemenciitaj objektoj kaj aferoj, okazintaj kongresoj, mallongtempaj ekspozicioj, amuzaĵoj, sportaranĝoj ktp. Notataj estu sole ankoraŭ belegaj orgenkoncertoj (por kio ni ja havas nian grandegan festhalon!) reprezentado de la tielnomata *simfonio de la mil* (kunagantoj) de *Gustav Mahler* kaj de la pantomima dramo *La mirakio* de *Vollmöller* kun muziko de *Humperdinck*. —

Profundajn impresojn, la rememoron pri belaj multflanke interesegaj horoj kaj sinceran dankemon al la organizintoj postlasis en ĉiu sentema koro la vizito aŭ vizitado en la Breslaua ekspoziciaro.

*Julie Wolfson.*

# Lingvaj demandoj

## La „prepozicio" spite.

**Demando.** En „Bibliografio" de No. 6 B mi legis: *spite ĉion*. Ĉu tio ne estas malĝusta, ĉar *spite* estas prepozicio? *L. H.*

**Respondo.** Laŭ la nun jam tute elkristaliĝintaj gvidleĝoj de nia lingvo mi ne timas eldiri, ke *spite*, ĉar ĝi *ne* estas prepozicio, postulas fleksiitan kazon, plej oportune la prepoziciojn de, al, je, resp. akuzativon. Ke *spite* ne estas prepozicio, tion montras la fakto, ke en U. V. ĝi staras kiel radiko *spit*. Almetante al radiko adverbiĝilon, oni nepre ricevas adverbon; se la priparolata vorto estus prepozicio, ĝia formo laŭ la metodo de Zamenhof estus aŭ *spit*, aŭ *spitaŭ*; kaj eĉ se ni supozus, ke *spite* estas radiko, tion kontraŭdirus la derivaĵoj, kiujn ni formas ne el *spite*, sed el *spit'*, dirante *spiti*, *spitema* ktp. Laŭ tio la substantiva formo *spito* respondas al la angla *spite*, germ. *Trotz*, hung. *dac*. La formoj *en spito, je spito, spite* egalvaloras al angla *in spite*, germ. *zum Trotz, trotz*, hung. *dacúl, dacból, dacra*, kaj konsekvence *in spite of*, jemand-*em zum Trotz, trotz wem*, v.-*nek dacára, (en dépit de)* devas esti tradukataj per spite *de, al, je* iu, io, resp. io*n*, iu*n*. Tion ne ŝanĝas la fakto, ke en la supre cititaj naciaj esprimoj la senco de la substantivo iom aliiĝis.

Konkludo: Se oni volas resti tute logika kaj konsekvenca, oni devas uzi post *spite* prepozicion aŭ akuzativon.

## Mallongaj respondoj.

**Al S-ro F. B. Bielitz.** Vian interesan artikolon pri *-iĝi* ni publikiĝos en la venonta numero.

**Al S-ro A. H., Dresden.** La frazo „La aglo flugas en la aeron" ne estas nomebla malĝusta, sed ĝi ankaŭ ne estas tute logika; certe „flugas alten" estas preferinda. Sed se ni volus ĉion diri tute logike, ni ne havus tempon paroli, tiom ni devus pripensi ĉiun vorton. Ĉar la unua frazo estas de inteligentulo facile komprenebla, oni ne rajtas ĝin ekskomuniki.

**Al la sama.** La sufiksoj *iz, oz, iv* ne estas definitive alprenitaj de la L. K. En la ĉiutaga, kiel ankaŭ en la literatura uzado ili estas tute nenecesaj, dum la teĥniko, kiu pli bezonas mallongecon kaj matematikan precizecon, povas ilin kelkfoje profite uzi.

# ═ Por kolektantoj ═

## Katalogo pri Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongiĝoj:** E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr: grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr: prezo por 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md: dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre.

(Daŭrigo.)

**1912.**

E: Laborista Asocio Esperantista, Bohemujo. A: Prag II, Hybernská 7. Pr: 0,420 Sm. — Terglobo kun verda Esp.-stelo, ĉirkaŭligita per ruĝa rubando de homo, staranta sur libro. Kadro verda kaj nigra. T s: Esperanto, ms: Svetovy Jazyk Delnicke Tridy. [Esp. trad.: „Esperanto tutmonda lingvo de laborista klaso."] Blanka Pp. F: rektangula. Gr: 19×30 mm, pf 11 1/2.

6. Nigra-verda-ruĝa.

E: Bohema Komercista Societo en Prag. (Em. Herman, Prag-Kral. Vinohrady, Balbinova ul. 13.) En la ronda mezo T: Ĉ. O. B. en (t. e. Ĉeskoslov. Obchodnicka Beseda — Ĉeĥa komercista societo), s: blanka rondo kun verda Esperantostelo. Ĉirkaŭskribo s: Esperantista Rondeto, ms: Kral. Vinohrady. Bohemujo. Fundo verda, T: blanka, reliefe presita. Blanka Pp. F: ronda, onda marĝeno.

7. Gr. 39 mm. Verda.

8. Gr. 23 mm. Verda.

E: Societo de Hungaraj Esperantistoj, Budapest. Hungara T: Szerezzünk barátokat . . . [Esp. trad.: „Ni akiru amikojn al nia patrujo, al nia nacio! Tio estas nia sankta devo. Ni eklernu la lingvon Esperanto, kiu jam estas disvastigata en la tuta mondo; tiamaniere ĉiu el ni povas havi 5—10 eksterlandajn amikojn, kun kiuj li Esperante korespondas, interrilatas. Kontraŭ 10 helera poŝtmarko

malgrandan gramatikon kun vortareto sendas la Societo de Hungaraj Esperantistoj. Budapest VII, strato Alpar No. 8."] Pp: blanka. F: rektangula. Gr: 85×35 mm, pf: 11½.

9. Nigra.

(Daŭrigota.) *Dr. Möbusz.*

## Korekto.

La lasta linio en No. 8 B, paĝo 125, devas esti „5 Verda" anstataŭ „1912".

**Esperantaj sigel- kaj propagandomarkoj** en kovriloj, kunmetitaj de *P. Tarnow*, Waitzstr.27, I, *Kiel*. Ĉiu kovrilo enhavas 100 diversajn kaj 50 duoblajojn. La kovriloj A, B, D, E, F ne enhavas samajn markojn; E enhavas markojn, kiuj jam estas en la aliaj kovriloj, B kaj E enhavas tre valorajn kongresmarkojn. La prezoj estas:

| | | | |
|---|---|---|---|
| kovrilo | A | 2,000 Sm. | (4 Mark) |
| „ | B | 3.000 „ | (6 „ ) |
| „ | C | 1.500 „ | (3 „ ) |
| „ | D | 2,500 „ | (5 „ ) |
| „ | E | 4.000 „ | (8 „ ) |
| „ | F | 2,500 „ | (5 „ ) |

Krom tio li eldonis verdajn, ovoformajn propagandomarkojn kun Esp.teksto; 100 kostas 0.60 M., 200 1 M.



# Diversaj komunikoj

## Bonvolu atenti!

De post la 1a de Oktobro mi ne plu estas okupita en la oficejo de la presejo Möller kaj Borel en Berlin. Pro tio oni bonvolu sendi leterojn ktp. por mi destinitajn nur al mia privata adreso: *Wissmannstrasse 46, Berlin S. 59.*

*Friedrich Ellersiek*,
redaktoro de G. E.

## Averto pri trompisto.

En la nunmonata eldono A S-ro Wiesner el Düsseldorf avertas pri iu „samideano" *Bickel* el Bern, kiu sub la preteksto, ke li estas varietea artisto kaj ne havas monon por postvojaĝi sian lin erare forlasintan trupon, vizitas esperantistojn en diversaj urboj kaj „pruntas" de ili monon por vojaĝi al alia, pli-malpli proksima urbo. Kiel ni eksciis, tiu sinjoro ricevis kelkafoje sufiĉe altajn sumojn, sed en neniu okazo la pruntedonintoj ricevis sian monon, malgraŭ la certa promeso de la artisto. La donitaj de li referencoj estas falsitaj. Do estas evidente, ke tiu sinjoro, kiu kredeble sin prezentos ankaŭ sub alia nomo (en Belgujo li eĉ nomis sin kuzo de S-ro Borel!) estas trompisto trouzanta la samideanan helpemon de esperantistoj por siaj malnoblaj celoj. Denove ni avertas pri li kaj petas, ke oni, se iel eble, atentigu la policon pri tiu ĉi internacia malbonulo. *Germ. Esp.*

## Samideanoj, helpu!

Nia bulgara samideano *Krestanof* dissendas *malfermitan leteron al la tutmonda esperantistaro*, en kiu li sin turnas al la samideanoj ĉiulandaj, ke ili helpu retrovi lian patron aŭ ties tombon. La patro, S-ro *Iliev Ĥaralampi* (Krestanof), partoprenis la lastan balkanan militon kiel bulgara oficiro de la 10a roto, 3a bataliono de l' 16a infanteria Loveĉ'a regimento (Xa divizio). Li estis vundata de grekoj, la 19an de Junio (malnova stilo), apud Saloniki, sed oni nek trovis lian kadavron, nek aŭdis ion alian pri aŭ de li. Kiu povas ion komuniki pri la sorto de la patro de nia malfeliĉa samideano, bonvolu skribi al la jena adreso: *Ivan Ĥ. Krestanof*, stud. fil., poste restante, *Dijon* (Francujo).

## Monumento al la memoro de William T. Stead.

### Gastodomo en London por laborantaj virinoj.

La amikoj de la mortinta S-ro *W. T. Stead* — eble la plej konata kaj internacie amata el la viktimoj de la „Titanic"-ŝippereo — forte deziras memoriĝi lian sindoneman laboron. Ili do opinias, ke la plej taŭga monumento pri tiu nobla viro, kiu ĉiam batalis por pliboniĝi la staton de la virinoj, estos aranĝi en la urbo London gastodomon, en kiu malriĉaj laborantinoj povos ricevi loĝejon kaj nutradon je kiel eble plej malaltaj prezoj.

Tiucele oni starigis komitaton sub la alta patronado de la patrinreĝino Alexandra. Por efektivigi la diritan entreprenon, la komitato kolektas mondonacojn po unu ŝilingo, sub la nomo de *„la ŝilingo de la virinoj"*; kaj tiu kaso estas ekpleniĝita de la reĝino Alexandra mem per donaco de du mil ŝilingoj. (1 ŝilingo = Sm. 0,500 = 1 germ. marko.)

Sciiĝinte pri la afero D-ro L. L. Zamenhof skribis: „La entrepreno, kiu celas honori la memoron de Stead ne bezonas mian rekomendon, ĉar la nomo de Stead kaj liaj meritoj estas tre bone konataj de ĉiu Esperantisto. Mi esperas, ke ĉiu gazeto Esperantista tre volonte publikiĝos vian alvokon."

La redakcio de Germana Esperantisto volonte akceptos la ŝilingojn, kiujn oferemaj legantoj volas donaci por la vere bona, rekomendinda celo, kaj poste transdonos la kolektitan sumon al la komitato. Pri la senditaj „ŝilingoj" estos kvitancate en eldono B de G. E.

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

Ĉi tie ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.

* **Esperanta Biblioteko Internacia.** — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. Pr: po 0.100 Sm. por ĉiu No. Jus aperis:

No. 25. Noveletoj el la Nigra Arbaro de *Helene Christaller.* El germana lingvo tradukis *Wilhelm Christaller.* 48 pĝ., 10×14½ cm. [134

No. 26. La Intervidiĝo kaj Nekonita Dialogo de *Alfred de Vigny.* El franca lingvo tradukis *Sam. Meyer.* 40 pĝ., 10×14½ cm. [135

No. 27. La Patrino de *Ernst Zahn.* El germana lingvo tradukis *J. Ŝmid,* Bern. 56 pĝ., 10×14½ cm. [136

Estas malfacile, diri ĉiam ion novan pri nova kajero de E. B. I., ĉar efektive ĉiuj estas bonegaj. Mi do sen plua ĝenerala pritrakto komencos la detalojn.

En la *Noveletoj el la Nigra Arbaro* ni trovas kvar malgrandajn rakontojn de Helene Christaller, la bofratino de nia konata vortarverkinto samnoma; la traduko estas farita de ŝia nevo.

Ĉiu el la noveloj ĉerpas sian temon el la vilaĝa vivo; per viglaj, impresaj strekoj la aŭtorino montras al ni trafajn bildojn, skizojn, kaj ŝia lerta stilo, la bonhumora rakontmaniero igas la legadon vera ĝuo.

La enhavo estas do taŭgega por ekzerca legado ĉu en grupoj, ĉu en solo; ĉar tiun celon plej bone atingas mallongaj, interesaj, bonhumoraj verkoj.

La traduko estas preskaŭ neriproĉebla. Unue ĝi tute respondas en sia tono, en sia vigleco al la originalo, due ĝi estas bona Esperanta stilo. Tiuj du kvalitoj kune garantias pri boneco de traduko. — Inter la iom kritikindaj aferoj mi citas unue la iomon da noviĝemo ĉe la vortotrezoro. Plej multaj tradukantoj kredas, ke estas nepre necese, redoni en la Esperanta teksto ĉiujn nuancetojn de la originalo; ili ne pripensas, ke nova vorto, anstataŭ sentiĝi tiun nuancon, interrompas la fluan legadon, dum proksimuma aŭ pli ĝenerala vorto, per la kunteksto, verŝajne vekus la saman ideon, aŭ almenaŭ ne interrompus la fluecon de la teksto. Tiaj vortoj estas: *obsedi* (ekposedi, okupi); *agiti* (uzata de ĉiu nacio en alia „nepre necesa" senco); *pastoro**); *spelto* (tritiko tute sambone taŭgus); *kontribui* (ĉi tie kunhelpi). — *Bubo* en la senco de knabo ne ĉiam taŭgas. *Tiam* estus kelkaloke pli bone anstataŭata de *poste* (germ. dann!). Unuloke mi trovis malĝustan aplikon de *kiu ajn,* kies vera senco estas: iu, tute egale kiu; pro tio ĝi ne povas esprimi demandon: (Kiu ajn nun havis tempon por tio? anstataŭ: Kiu nun havis aŭ havus tempon?)

Sed ĉar tiuj kritikindajoj estas tre maloftaj, la stilo cetere tre flua kaj lerta kaj la enhavo ĉiel taŭga, mi tre rekomendas la kajeron al ĉiu, volanta perfektiĝi en nia lingvo ne enuante, aŭ simple deziranta distriĝi dum horo.

*La Intervidiĝo* kaj *Nekonita Dialogo* estas du tre plastikaj bildoj historiaj. La aŭtoro, kies tre trafa opinio pri la historiaj grandeguloj estas citita en la antaŭparolo, priskribas imagitajn scenojn inter la reĝo Ludoviko XIIIa kaj lia ministro kardinalo Richelieu, respektive inter Napoleono Ia kaj la papo Pio VIIa. — Mi nenion volas diri el la enhavo, por ke la legantoj mem povu kontentigi sian scivolon. — Certe la karaktero de tiuj granduloj, se la aŭtoro bone trastudas la historion, povas multe pli bone esti montrata kaj klarigata, ol per nura priskribo de la faktoj. Mi ne rajtas prijuĝi kaj kritiki la faman aŭtoron, tamen ŝajnas al mi, ke la karaktero de Napoleono estas montrata ne tute juste, dum la aliaj tri personoj estas, laŭ mia tre subjektiva opinio, laŭ vereco prikarakterizitaj.

La traduko estas bona, kiel oni ja povas konjekti legante la nomon de Sam. Meyer. Plue ĝi estas trarigardita de E. L. A. — Sed kompreneble tia trarigardo garantias nur, ke la plejmulto de la eraroj estas rimarkata, kaj per tio la tradukanto evitas senkonsciajn malĝustaĵojn. Tio ne malhelpas, ke li intence lasu gramatikan aŭ stilan formon, kiu ne estas aprobinda.

Tiel mi trovis jenan frazon, kiu ne tre ornamas la libreton: „Mi estis ofte vidinta Bonaparton eniri kaj suferigi al tiuj petskriboj strangan provon." — *Reen*paŝis ne estas tre feliĉa formo; *posten*paŝi estas pli klara en la celita senco, se oni ne volas uzi la same taŭgan *cedis.* Spron*hava* kalkanumo neniom estas pli klara ol sprona kalkanumo. *Pontifiko* estas same bone esprimebla per *episkopo;* la malgrandan diferencon la plej multaj lingvoj ne konas. *Spite* kun nominativo ne estas akordigebla kun la simpla gramatika regularo de nia lingvo. *Efekto* en la literaturo estas same bone esprimebla per *efiko.* Ĉu al *persono* oni devas rilatigi la pronomon *ĝi,* tio ne estas facile decidebla; sed la fluan legadon pli bone helpus en la citita okazo *li.* La ĝojo ne povas *ŝveli,* nur ŝveli*gi* la koron. Mi rigardis ĝin *kiel* util*a* ne estas logike esprimita: ĉar ĉi-tiuokaze mi estas utila, ne la afero; aŭ *kiel* devas forresti, aŭ akuzativo estas uzota. „Murmuro *agitis* la korteganojn": jen okazo por la diversa uzado de tiu vorto, kiun mi aludis ĉe la antaŭa kajero; ĉi tie mi eble dirus: trairis. trakuris. La uzado de indikativo post la konjunkcio *kvazaŭ* estas kritikebla; la senco de ĉiuj frazoj ligitaj per *kvazaŭ* postulas kondiĉan modon. — Laste mi volas diri, ke la propraj nomoj estas iom nekonsekvence skribitaj. Jen oni trovas la francan skribmanieron sen almeto de la Esp. elparolo, jen Esperantan sonon sen franca ortografio; tio kelkafoje povas malutili, kiel ĉe la vorto *Loreno.* Mi estas certa, ke multaj legantoj ne scias, kio tio estas; kaj en vortaro ili vane serĉos, ĉar tiuj enhavas nur la vorton *Lorraine,* de la germanoj nomatan *Lothringen.*

*) Se, kiel mi aŭdis, oni volas per tio diferencigi protestantan pastron de katolika, mi proponas, ankoraŭ alpreni pastero, pestro, pestoro, paŝtoro k. s. por diferencigi la lutheranajn, kalvinanajn, anglikanajn, grekkatolikajn, ortodoksajn k. a. pastrojn! *Lr.*

Per tio mi elĉerpis la kritikeblaĵojn. Oni vidas, ke ili estas malgravaj; mi nur tial tiom priparolis ilin, ĉar ĉe tiom fame konata aŭtoro kiel Sam. Meyer oni rajtas havi altajn postulojn.

Mi estas certa, ke ankaŭ ĉi tiu kajero, laŭ enhavo tre interesa, laŭ stilo ankaŭ leginda, estos multe ŝatata.

Kun plej granda ĝojo kaj ĝuo mi legis la trian kajeron, *La Patrino*. Ĝi estas unu el la plej impresantaj, artoplenaj verkoj de la svisa aŭtoro Zahn. En la kadro de tre simpla rakonto ni vidas bonege skizitajn karakterojn kaj viglegan, draman okazadon. Ne estas eble, eltiri sin el sub la katenanta, kun si ŝiranta sugestio de tiu simpla, tamen tiom nuancoriĉa romaneto. — Laŭ la literatura valoro de l' enhavo mi do juĝas tiun ĉi kajeron la plej bona el la tri recenzataj.

La traduko estas lerta. Kelkafoje ja ĝenas iom malglataj esprimoj, sed tiuj samtempe bone akordiĝas kun la enhavo, tiel ke ili ne meritas riproĉon. Gramatikaj eraroj preskaŭ tute ne estas; du pekoj pri *sia* kaj unu pri participo pasiva estas la solaj, kiujn mi rimarkis. Mi ne forgesu, ke ankaŭ tiu libreto estas „rekomendita de E. L. A.", kaj efektive oni povas konstati grandan superecon de tiu ĉi eldono, komparante ĝin kun la unua preso aperinta en la gazeto „Esperanto". Ankaŭ tion mi volas laŭde citi, ke la libreto, kvankam ĝia prezo estas nur 0,100 Sm, havas 56 paĝojn; ĝi estas do unu el la plej malkaraj, kaj inter tiuj certe la plej bona libro ĝis nun aperinta.

Resume mi povas sincere rekomendi ĉiujn tri kajerojn; la unuan precipe kiel facilan amuzan legaĵon, la duan por historiamantoj, la trian por ŝatantoj de pli profunda literaturo. Ni esperu, ke la kolekto, kiu per ili komencis la trian dekduon, liveros al ni ankoraŭ multajn same akirindajn libretojn. *Lr.*

**• Pri varmokulturo** (Per varmo al sano). Nova metodo, provizi la korpon je forto kaj helpilo al pli alta evoluo de la homaro. De Dro med. *Wilhelm Winsch*. Laŭ la kvara germana eldono esperantigis *P. William*. 72 pĝ., 14½×22 cm. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden. 1913. Pr: 0.600 Sm. |137

Ĉi tiu ege interesa verko pritraktas la signifon kaj altan valoron de la varmo por la homaj vivo kaj kulturo. Dro Winsch bonege scias prezenti ĉi tiun science tre gravan temon samtempe instrue, plaĉe kaj bonkompreneble. Mi ne dubas, ke ĉiuj legontoj de la libro — ankaŭ la science tute ne preparitaj — sincere dankos al la aŭtoro pro la atentindaj klarigoj kaj konsiloj, kiujn li disdonas en agrabla kaj alloga maniero. Ĉi tiu spiritoplena skribmaniero eĉ tie ĝojigas, kie oni ne konsentas kun Dro Winsch. Mi persone konfesas — kvankam mi ja ne estas tiel malalkoholema kaj malviandema kiel la verkinto —, ke preskaŭ ĉiu paĝo de la libro kaŭzis al mi ĝuon kaj utilon. Pro la ĝuo mi devas verŝajne pleje danki al nia konata Berlina samideano William, kiu tradukis la germanan tekston kaj per tio pruvis, ke li estas ne nur fervora propagandisto, sed ankaŭ majstras la literaturan uzon de nia internacia lingvo. Mi rekomendas lian esperantigon al ĉiuj esperantanoj, dezirantaj konvinkiĝi per malenuiga teksto pri la taŭgeco de Esperanto por sciencaj celoj. La belaspekta kaj malkara verko ja enhavas kelkajn erarojn — ĉefe presajn —, sed kompare al ĝiaj valoraj ecoj ili ŝajnas al mi sensignifaj.

Mi ne forgesu diri, ke la sama verko jam aperis en franclingva traduko sub la titolo „Vers la Santé par la Chaleur". Ankaŭ ĉi tiu eldono estas tre atentata kaj bone disvastiĝas, kio pruvas, ke la grava temo pri varmokulturo vekas pli ol ĝeneralan intereson. Tial ni ĝoju, ke nun aperis Esperanta traduko, kiu ebligas, ke la tuta mondo konatiĝu kun la kuracmaniero de Dro Winsch. Eĉ se oni ne konsentas pri ĉiuj ideoj eldiritaj en la libro, oni tamen trovas en ĝi multege da bonaj kaj taŭgaj atentindaĵoj. *W. Ludwig.*

**• Das Esperanto ein Kulturfaktor. Band 3.** Festschrift zum 8. Deutschen Esperanto-Kongreß, Stuttgart. Zusammengestellt von Prof. *P. Christaller*, Stuttgart. Herausgegeben vom Deutschen Esperanto-Bunde, E. V. — Kommissions-Verlag: Ader & Borel G. m. b. H., Dresden-A., 1. Pr: 2.— M. (1 Sm.) |145

Ni germanaj propagandantoj de Esperanto vere ne venas en embarason, se ni serĉas armilojn kaj informilojn en la batalo por nia afero. Multe da bonegaj verkoj propagandaj ni posedas; sed sendube la plej valoraj kaj plej taŭgaj el ili prezentiĝas en la serio de libroj, kiuj sub la supre montrita titolo de tri jaroj estas eldonataj de G. E. A. okaze de ĝiaj ĉiujaraj ĉefkunvenoj. La nunjara kongreso de Stuttgart havigis al ni la trian volumon de la serio. Sub ĝia titolo brilas la nomo de nia alte ŝatata pioniro Prof. Christaller. Jam tio estas bona antaŭsigno por la kvalito de la libro, kaj legante ĝin, oni ne estas seniluziigata. Estas preskaŭ nekredeble, kiom da bonega materialo Prof. Christaller kvazaŭ abelo kunportis kaj en formo de bongusta, nefalsita mielo prezentas al ni.

La unuan kaj ĉefan parton de la libro okupas la „opinioj" de samtempanoj pri la ideo de internacia helplingvo ĝenerale kaj pri Esperanto aparte. El 15 lingvaj teritorioj ni trovas amason da tre interesaj juĝoj pri la dirita demando, ne nur favoraj, sed ankaŭ malfavoraj. Ĝuste tiuj ĉi estas plej interesaj, ĉar ili montras al ni la ofte tre strangajn antaŭjuĝojn, kiujn la skribintoj havas pri internacia lingvo. El ili ni povas lerni, kiamaniere oni devas trakti tiajn kontraŭulojn de Esperanto. — La dua parto konigas al ni, en artikoloj de konataj kunbatalantoj, tre gravajn rajtojn kaj devojn de esperantisto. Ĉi tiu kolekto de artikoloj estas vera trezoro, ne nur por novaj, sed ankaŭ por jam laborantaj samideanoj. Bonaj konsiloj por propagandistoj, sed ankaŭ sinceraj admonoj por trofervoruloj montras la vojon, sur kiu oni plej sukcese povas progresigi nian movadon. — En la lasta parto, la aldono, estas plej interesa la letero „Gegen den Chauvinismus", kiun S-ro Reinking, la prezidanto de G. E. A., skribis iam al trogermana scienculo. En mirinde klara maniero la skribinto refutas la argumentojn, kiuj de tiu flanko estas diritaj kontraŭ nia lingvo. Plue oni trovas en la aldono liston de la nun aperantaj Esperantaj gazetoj, redaktitan de nia konata Esperanto-bibliotekisto Davidov.

Mi ne plu bezonas laŭdi la libron, ĉar ĝia enhavo sufiĉe parolas por ĝia boneco kaj ne malpli por la lerteco de ĝia redaktoro. Do, nekongresanoj

germanaj, aĉetu kaj profunde studu la festskribon de la Stuttgarta kongreso, vi ne pentos pri tio. Kaj ankaŭ vi negermanaj samideanoj povas profiti el la legado de la bonaspekta libro, ĉar multaj, ĝuste instruaj artikoloj estas verkitaj en Esperanto.
*Foko.*

* **Albumo de la VIIIa (Jubilea) Universala Kongreso Esperantista en Kraków 1912.** Kunmetita kaj eldonita de la Organiza Komitato de la Oka Kongreso. 80 folioj, 34×24 cm; tre elegante kaj daŭreme bindita. Pr: 4 Sm. (8.20 M). [133

Fine ĝi aperis, la de longe atendita kaj ofte promesita albumo, fine mi efektive tenas ĝin en miaj manoj! Kelkaj mendintoj jam fariĝis skeptikaj kaj ne plu pensis pri la apero. Sed mi ne perdis la esperon, ĉar mi estis konvinkita pri tio, ke la Krakovanoj, kiuj tiel bone aranĝis nian jubilean kongreson, ankaŭ plenumos ĉi tiun sian lastan devon. Kaj mia fido pri ilia konscienceco estas brile rekompencita. Se iel la proverbo „Kio longe daŭras fariĝas bona" estas prava, ĝi estas tia en tiu ĉi okazo. Malgraŭ la multaj malfacilajoj, spite de ĉiuj malhelpajoj, kiujn parte eĉ kaŭzis la kongresanoj mem (rilate al la alsendo de siaj fotografajoj) la komitato de la Oka prezentas al ni verkon, pri kiu ĝi rajtas esti fiera. Jam la tre eleganta eksterajo surprizas onin; sed ankoraŭ pli ravas la belega enhavo de la libro. Sur la unuaj dek ses paĝoj ni trovas riĉe ilustritan artikolon de S-ro Julius Glück, kiu en flua stilo rakontas pri la vidindajoj de Kraków kaj ties ĉirkaŭajo kaj pri la okazintajoj de la kongreso. Poste sekvas ankaŭ ilustrita artikoleto de la komitato, en kiu ĉi tiu informas la samideanojn pri la aranĝo de la Oka, kaj al ĝi aliĝas la portretoj de la kongresanoj kun apudaj nomoj. Unue ni vidas la „K. K. K."-on, poste la Honoran Komitaton, kaj fine la „ordinaraj" Oka-anoj prezentas al ni siajn pli-malpli afablajn vizaĝojn. La listo de tiuj ĉi estas alfabete ordigita, unue laŭ kontinentoj, plue laŭ landoj kaj fine laŭ la komenclitero de la nomoj tiel, ke oni tre facile povas trovi ĉiun serĉatan. La neĉeestintaj kongresanoj estas montritaj per alia preso de la nomo. La kliŝoj estas bone faritaj kaj la tuto estas klare presita tiel, ke la albumo estas vera ornamajo por la hejma biblioteko. La prezo ja ŝajnas iom alta, sed ĝi nepre ne estas tia, se oni konsideras la luksan faradon de la libro. — Ĉiuokaze ni devas danki al la komitato de la Oka, ke ĝi donis al la esperantistaro tiel altvaloran memorajon pri nia unua jubilea kongreso; kaj se la samideanoj volas reale esprimi sian dankon, ili aĉetu la verkon, kiu ekzemple bone taŭgas kiel kristnaska donaco.
*Foko.*

* **Esperantista Kantaro** (Tekstaro). Dua eldono, reviziita kaj pligrandigita (6a—10a milo). 70 pĝ. 10×14 ½ cm. — Germana Esperanto-Librejo, Leipzig. 1913. Pr: eldono broŝurita 0.250 Sm., eldono kartonita 0.300 Sm. — La muzika eldono de la kantaro aperos baldaŭ kaj kostos 0.500 Sm. Jam nun ĝi estas mendebla. [124

La beleta, manoportuna libreto enhavas krom kelkaj originalajoj („La Espero" de Dro Zamenhof, „La verda stelo" de M. Hankel, „Patrujo mia" de W. C. Adams) ĉefe esperantigojn de la plej popularaj kantoj germanaj. Aldone ĝi prezentas kolekton de alinaciaj popolkantoj, por ke niaj grupoj povu saluti eksterlandajn vizitantojn per kantoj el ilia hejmlando. Speciale tiu aldono igas la kantaron tre valora por niaj kunvenoj, tiom pli, ke la Esperanto-Librejo en Leipzig eldonos ankaŭ melodiaron akordiĝontan kun la ĉi tie priparolata tekstaro. — La tradukoj de tiuj versajoj, kies originalojn mi konas, ŝajnas al mi ĝenerale bonaj, kaj ili sukcese plenumos sian taskon, kvankam la pli malnovaj el ili kelkfoje seniluziigas per malflua ritmo kaj nenaturaj rimoj. Vere ĝojigaj estas precipe la tradukoj de Ferdinand Pfeil. — Kelkajn presajn kaj aliajn erarojn oni devos forigi en la espereble baldaŭ necesa tria eldono. Ĉi tie mi atentigas nur pri tri nepre korektotaj versoj, nome:

„Alfluginta birdeto
Sin sidiĝas ĉe mi, (sidigas!)
Amatinan saluton
En la **pek'** portis ĝi." (bek'! eble ankaŭ: port**as**!)

kaj:

„Ĝoju la vivon, dum *ŝajnas* sun' al ni!" (brilas!)
*Valc.*

* **Aŭtunaj floroj.** Dek originalaj poemoj de Dro *Stanislav Schulhof.* 30 pĝ. 12×16 cm. — Universala Esperantia Librejo, Genève. 1912. Pr: 0.250 Sm. [113

Mankas al mi vortoj, por inde priskribi la fluajn kaj sonorajn versojn de Dro Schulhof. Ilia belsoneco certe ravos ĉiujn orelojn, kaj ilia enhavo estas plej ofte same bona kiel ilia formo. Sed eĉ malnovajn, iomete eluzitajn ideojn la poeto sukcesas orumi per la ĉarmo de sia poezio, ekzemple en la „recepto por fari bonajn versajojn". Ĉiu versamanto aĉetu tiun bukedon da aŭtunaj floroj, por ke ĝi plibeligu lian ĉambron per sia belaspekto kaj bonodoro. *Valc.*

**Benedek.** Historia portreto el milito 1866 de *J. S. Machar.* El bohema lingvo tradukis *R. Friedrich.* 24 pĝ. 15×20 ½ cm (Esperanta biblioteko No. 1). — Librejo F. Karásek, Prostějov (Moravio, Aŭstrio). Pr: 0.220 Sm. = 2 respondkuponoj. [94

Jen denove kolekto de malmultekostaj Esperanta kajeroj. No. 1 traktas pri Benedek, la aŭstria komandanto de la nordarmeo en la milito kontraŭ Prusujo en la jaro 1866. Supozate korektan tradukon, jam la originalo estas iom malklara kaj la frazoj pro troa mallongeco ne belaj. Kelkfoje stilo kaj esprimoj estas tiel malklaraj, ke oni ne tute komprenas la sencon. Kion signifas ekz: „neŝajnigita demando pri familiaj rilatoj?" La ĉiama manko de l' artikolo donas al la tuta traduko ion malfluan, kaj ofte novaj vortoj aŭ gramatikaj eraroj malagrabligas la legadon. Ekz. mi trovis: enuegis sin, li lasis al si klarigi (anstataŭ igis), la katastrofo estis jam ĉi tie ktp. Tro ofte ankaŭ estas uzita la duobla estinteco: estis -ita, aŭ -inta, kie la simpla kaj la -ata formoj estus pli bonaj. Aspekto kaj bindajo estas belaj. *Käthe Jahns (E. L. A.).*

*

Württembergischer Esperanto-Landesverband. — *Por kaj kontraŭ:* Erklärung. Ein neuer Stephan - Trick? Vom Esperanto zum Ido. „Gerade die Kritik tut uns not!" Noch einmal „Idistische Übertreibungen". — Diversaj komunikoj. — Bibliografio. Diversaj eldonaĵoj. — Redakciaj respondoj. — Oficialaj sciiĝoj de Germana Esperanto Asocio (G. E. A.).

•

## Diversaj eldonaĵoj.

***Helpilo I,** ein neues, lustiges und ausführliches Lege- und Rechenspiel mit auswechselbaren Figuren und Aufgaben für Kinder bis zu 9 Jahren, und

***Helpilo II,** ein neues, interessantes und ausführliches Lege- und Rechenspiel mit auswechselbaren Bildern und Aufgaben für Kinder von 8 bis 14 Jahren. Zusammengestellt von einem Lehrer und Kinderfreund. — Ader & Borel G. m. b. H., Dresden-A. 1. Pr.: für jedes Spiel 1.60 M. franko für Deutschland und Oesterreich-Ungarn; eksterlanden po 1.050 Sm. por ĉiu ludo afrankite.

Lernu per ludo! Jen la devizo de tiuj ĉi du vere interesaj ludoj, kiuj kompletiĝas unu la alian. *Helpilo I* estas destinita por infanoj en aĝo ĝis naŭ jaroj, kaj *Helpilo II* estas por infanoj de ok ĝis dek kvar jaroj. La celo de la ludoj estas, perfektigi la infanojn en la kalkularto kaj instigi ilin al solvo de ĉiuspecaj kalkultaskoj. La unua ludo ampleksas la nombrojn 1—10 kaj 1—20, dum la dua sin okupas pri la nombroj 1—100 kaj 1—1000. Ĉar la dirita instruo okazas en amuza kaj agrabla maniero, kaj ĉar la *Helpiloj* estas uzeblaj ankaŭ kiel nuraj ludoj, la infanoj tre volonte sin okupos pri ili.

Ĉiu ludo konsistas el 6 tabuloj kartonaj kaj ilustritaj, sur kiujn la kunludantoj (ĝis 6) laŭ certaj reguloj devas kunmeti la respondantajn figurojn aŭ bildojn el aldonitaj tabuleroj. Mi ne povas detaligi ĉi tie la tutan, cetere tre facile kompreneblan ludregularon; mi nur volas certigi, ke la *Helpiloj* meritas la atenton de ĉiuj gepatroj dezirantaj doni al siaj infanoj taŭgan ludon, kiu kuniĝas amuzon kaj utilon.

Unuavice la du ludoj ja estas destinitaj por germanaj infanoj, sed dank' al aldonitaj klarigoj en Esperanto ili estas bone uzeblaj ankaŭ de negermanaj geknaboj kaj eventuale povas helpi ankaŭ la lernadon de la germana lingvo. Ili estas liverataj en kartonkestoj, grandaj 23×33 cm, kaj ili prezentas sin kiel taŭgaj kaj certe ŝatataj kristnaskaj donacoj. Dirinde ankoraŭ estas, ke la ludoj estas tre rekomenditaj de altaj lernejestroj kaj de multaj instruistoj.

*Foko.*

***Alt Dresden,** serio de 6 bele ilustritaj sigelmarkoj, montrantaj malnovajn kaj vidindajn konstruajojn de Dresden, 8½×5 cm, — Ader & Borel G. m. b. H., Dresden - A., Struvestr. 40. Pr.: por serio 0.075 Sm.

Dum la lasta tempo la kolektado de ĉiuspecaj sigelmarkoj, ne nur de Esperantaj, fariĝis sporto pli kaj pli disvastiĝanta. Oni jam pagas altajn prezojn por certaj, maloftaj markoj. Por pliriĉigi la kolektojn kaj samtempe propagandi por la bela urbo Dresden, la vigla firmo Ader & Borel eldonis ĉi tiun vere artan serion, kiu certe al ĉiu kolektanto estos bonvena.

*Ika.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

**No. 25.**

Kombila enigmo.

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| a | a | a | a | a | d | d | e | e |
| e | | e | | e | | f | | g |
| i | | k | | l | | l | | l |
| m | | n | | n | | n | | o |
| o | | r | | r | | z | | z |
| 1 | | 2 | | 3 | | 4 | | 5 |

Ordigu la literojn tiel, ke la supra, horizontala vico montru kreskaĵon kaj la vertikalaj: 1. frukton, 2. metalon, 3. kreskaĵon, 4. beston, 5. floron.

*Alfred Müller.*

**No. 26.**

Mi estas simbola planto; almetu du literojn kaj mi estas bero. *S-ro H.*

**No. 27.**

Kun **b** vi trovas min en la naturo,
kun **ĉ** min uzas muzikisto,
kun **d** mi ofte ekkaptas la koron,
kun **i** oni aŭdas min en koncertoj,
kun **k** vi vidas min ĉe konstruaĵoj,
kun **t** mi ĝojiĝas la homojn.

*Erka.*

En la venonta numero de eldono B ni publikiĝos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. *(Valoro de ĉiu premio ĝis 1 Sm.).*

## Solvoj el la antaŭa kajero.

**No. 22.**

**H**imno, eriko, **b**etulo, **e**poko, **l**ilio, **t**into, **r**ingo, **i**dilio, **d**amasko, **e**miro, **z**ebro, **i**nko. **r**ibo, **o**palo, **j**ufto.

Hebel — Tri deziroj.

No. 23.

Suno — luno.

No. 24.

Lavango — la vango.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

*A) de ĉiuj numeroj:* Friedrich kaj Nanni Alband, Düsseldorf; F-ino Else Andrae, Leisnig; Max Arnhold, Dresden; referendario Arntz, Saarbrücken; J. Bal, Breda (Nederlando); Hermann Barnack, stud. neophil., Wittenberg, Bez. Halle; S-ino M. Bastoul, Autry-le-Châtel (Francujo); Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Benndorf, Halberstadt; Paul Bennemann, instruisto, Leipzig; Max Blankenheim, Berlin; F-ino Katharina Bock, Neukölln; Kurt Böhme, Dresden; Karl Armin Bohne, München; H. Bonnevie, Kristiania (Norvegujo); L. Borkowski, instruisto, Grzibau; F-ino Lina Brockmann, Hamburg-Gr. Borstel; Georg Brucks, cand. math., Breslau; Max Butin, Godesberg; K. Czaster, reĝa staciestro, Görlitz; Wilhelm Daum, cand. phil., Gommersheim; Hermann Decker, Neukölln; F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Johann Engels, Höhenberg b. Cöln-Kalk; Dro Albert Engler, dentkuracisto, Wien; Alfred Ficker, Leipzig-Schleußig; Max Fischer, saksa fervojasistanto, Weida; Henriko Fraberger, ĉefinstruisto, Burgschleinitz (Aŭstrio); F-ino Marie Fuchs, Wien; F-ino L. Fuhrmann, instruistino, Neukölln; S-ino Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolo); H. Gätjens, Campe b. Stade; Gerh. Görcke, bankoficisto, Hamburg; Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; W. Haenen, ŝtatfervoja ĉefkonduktoro, Boxtel (Nederlando); A. Henneberger, Hamburg; F-ino Johanna Henschel, Frankfurt a. O.; F-ino Elisabeth Henze, Oldenburg i. Gr.; Walter Johne, instruisto, Potschappel; F-ino Louise Junghanns, Leipzig; Aug. Junker, Cöln; Richard Just, Potschappel; A. Kirchhübel, Neusalza-Spremberg; Arthur Kleinow, Berlin; F-ino Alwine Körner, Braunschweig; Em. Krafczyk, komercisto, Breslau; Paul Krüger, Dresden; Fr. Krygier, Herne; F-ino Frieda Kupfer, Stettin; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; S-ro Lammers, Oldenburg i. Gr.; Johannes Landmann, magistrata registratoro, Leipzig-Schleußig; F-ino Margarete Lang, Neukölln; Max Larass, bienisto, Göda; Teo Leber, Reutlingen; F-ino Alice Lederer, Budapest; Max Leopold, Adlershof b. Berlin; Walter Lippmann, Leipzig; R. Löwe, Radebeul; Ilmari Manner, Mouhijärvi (Finnlando); instruisto Markau, Potsdam; Johs. May, St. Wendel; F-ino Elsbeth Mertens, Berlin; E. Momber, Honnef a. Rh.; Hermann Müller, Dresden; Ludwig Müller, tramoficisto, Deuben Bz. Dresden; A. Neitzel, Hannover; F-ino H. Nickel Potsdam; Dro Nitz, supera instruisto, Königsberg i. Pr.; Johannes Noa, matematikisto, Sofia (Bulgarujo); Theodor Oster, Godesberg; Anton Otto, St. Georgenthal (Bohemujo); W. J. Peking, termezuristo, Komotau (Bohemujo); Otto Petzold, reallernejinstruisto, Oschersleben; Heinrich Pfaff, Worms; Willy Reichert, supera fervoja sekretario, Posen; F-ino Emma Reuter, Rostock i. M.; E. Rödiger, supera poŝtasistanto, Oldenburg i. Gr.; F-ino Hertha Salzbrenner, Seelingstädt b. Werdau; F-ino Marg. Schäfer, Dresden-Pl.; R. Scheibler, Niederhermsdorf b. Dresden; Paul Schmidt, Dresden; W. Schuhmacher, ĉefinstruisto, Wössingen, Amt Bretten; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; Herm. Schulz, Sebnitz; Oskar Schwarz, Wien; A. Semich, instruisto, Zittau; Chr. Sewing, Duisburg; F-ino Frida Simmank, Meißen; Joseph Sommer, Lippstadt; Hans Steinberg, Göttingen; Franz Strache, Schönborn b. Bodenbach (Bohemujo); J. Tamke, instruisto, Agathenburg b. Stade; Albin Tietz, Friedland (Bohemujo); F-ino M. Trötschel, Frankfurt a. O.; Johann Tuschl, Ulbrichsthal (Bohemujo); Eugen Vollmer, stud. iur. et cam., Mannheim-Käfertal; F-ino Hilde Wagner, Ebersbach i. S.; Johann Wasserfuhr, Cöln-Kalk; Eugen Weidmann, komizo, Backnang; Max Weitzmann, instruisto; Oederan; Otto Wirths, kampara leterportisto, Hochdahl; Wilh. Wittbrodt, instruisto, Neukölln; Lisbeth Zaulig, Potschappel; F-ino E. Zibell, Berlin-Schmargendorf; Karl Ziegler, Dresden; Ziemann, juĝeja sekretario, Gnesen; Leop. Zöchmann, Wien; Oswald Zöphel, Dresden.

Unu poŝtkarto el Bremen alvenis sen la nomo de l' solvinto.

*B) de du numeroj:* Karl Baensch, komercoficisto, Breslau; V. Didrihson, Odessa (Rusujo); H. P. Dijkstra, fervojasistanto, Rotterdam; G. Habellok, reĝa fervojestro, Breslau; C. Handrich, Hellerau b. Dresden; F. Schmidhofer, Brünn (Bohemujo).

*C) de unu numero:* F-ino Margarete Newiger, Potsdam.

*

*La premiojn gajnis per loto:* S-ro H. Gätjens, Campe b. Stade; S-ro Richard Just, Potschappel; S-ro Jos. Sommer, Lippstadt.

## Redakciaj respondoj

**S-ro K. A. T. en Danzig.** Dankon pro la alsendita „malrimarita" poemo. Bedaŭrinde ni ne povas ĝin, kiel vi deziras, presi en la „plej proksiman eldonajon", ĉar ĝi tute ne estas taŭga por nia gazeto. Krom tio ni ĝentile kaj humile petas, ke oni lasu *al ni* la decidon pri tio, kiam ni enpresos alsenditajojn. Cetere, se vi ankoraŭ iom pli profunde ol ĝis nun studus nian lingvon, vi certe perfektiĝus en ĝia uzo. Ĝis tiam lasu la versfaradon kaj atentu la noton sub la poemo „La sovaĝulo" en tiu ĉi kajero. La nura nomo „esperantisto" ankoraŭ ne sufiĉas por verki versajojn. Sed ne koleru, ni petas. Saluton!

**Archimedes.** La alsendita enigmo estas taŭga kaj ni akceptas ĝin danke por okaza publikigo.

**S-ro A. L., Wurzen.** Dankon pro la alsenditaj du tradukoj de la poemo de Goethe. Certe nia granda poeto ne koleros pri la malgrandaj ŝanĝoj faritaj, kaj ni povas certigi al vi, ke ambaŭ tradukoj plaĉas al ni. Ni bone konservos ilin en nia arkivo. Saluton!

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden G. m. b. H., Dresden.